Vª JARO — N° 55

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

20 MAJO 1909

DIREKTORO :
[H]ector HODLER

ABONO

Jara Abono 1,60 S (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la [...] de ĉiu monato. Oni akceptas [n]ur unujarajn abonojn. Oni [a]bonas ĉe la Administrejo, Es[p]eranto-Oficejoj kaj lokaj Agen[t]oj.

Redaktejo & Administrejo :
[8], rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| 1 paĝo. . . | 160 S | (400 fr.) |
| 1 kolono. . . | 32 » | ( 80 fr.) |
| 1/2 » . . . | 16 » | ( 40 fr.) |
| 1/4 » . . . | 8 » | ( 20 fr.) |
| 1/8 » . . . | 4 » | ( 10 fr.) |
| 1/16 » . . . | 2 » | ( 5 fr.) |

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo DEVICHI, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. WARNIER, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. BROWNE, 51, Wych Str., *London*; W. C. ; KOETZ, Rathausstr., *Leipzig*.

## AGADO

Oni ĝenerale konsentas pri tio, ke la [ve]nko de ĉia movado dependas antaŭ [...]o de agado. Se oni trarigardas la his[to]rion de ĉiu el ili, oni konstatos, ke la [ve]nko, daŭra venko, estis rezervita al [h]omoj de agado kaj efektivigo, ne al [h]omoj de teorio kaj diskutado, kiuj per [...]o estas pli malkonstruemaj ol kons[tr]uemaj. Sed ĉu de tio ke agado estas [n]ecesa kondiĉo de venko, sekvas, ke [l]a agado nin kondukos sur la vojo al [...]venko, aŭ ĉu, male, la sukceson havi[...]s nur agado plenumita en difinitaj [k]ondiĉoj. Respondo ne estas duba.

Ne mankas la movadoj, ĉe kiuj kon[d]ukantoj kaj kondukatoj estis agemaj, [d]ecidemaj kaj fervoraj : ĉi tiuj movadoj [ta]men ne sukcesis aŭ almenaŭ nedaŭre [su]kcesis, ĉar ili havis nenian firman [fu]ndamenton ; ili reprezentis nur pase[m]an opinion aŭ penadon, kaj malaperis [ka]j kiam de la vorta agado, la plej facila, [k]aj anoj devis transiri al la praktika [a]gado, la plej malfacila.

Ĉu movado povas sukcesi per agado [so]la ? Memvideble ne, ĉar agado estas [r]ezultato, provo de realigo de io, kio es[ti]s antaŭe pensata. Konscia agado sek[v]as pensadon, ĝin kompletigas kaj estas [n]eapartigebla de ĝi. Por esti vivkapabla, [p]or inspiri klaran kaj firman agadon, [m]ovado devas esti direktata de principoj, [s]ufiĉe klaraj, ke ili povu altogi kaj [k]onservi saĝajn homojn, sufiĉe noblaj [k]aj altaj, ke ili povu doni al siaj defen[d]antoj tian entuziasmon kaj memkonfi[d]on, sen kiuj ĉia batalo estas antaŭe [p]erdota ; unuvorte, movado devas havi [d]ifinitan idealon kaj la agado devas esti [k]onstante lumigata de tiu idealo. Paro[la]nte pri idealo ni en tiu vorto celas ne [k]onfuzan aspiron, sed precizajn princi[p]ojn, klare formuleblajn kaj praktike en[k]orpigeblajn. Se ne ĉiu ajn movado [b]aldaŭ disfalos kaj fariĝos la kaptaĵo de [l]a diskutistoj, kiujn blindigas detaletoj [k]aj ne atingas kompreno pri supera [id]eo.

Alia ne malpli necesa kondiĉo de [v]enka agado : movado devas okazi ĝus[ta]tempe, t. e. ĝi devas respondi al la [d]eziroj, bezonoj kaj priokupoj de sufiĉe [g]randa kaj diversa publiko, por ke ĝi [p]ovu nature sin trudi al tiu publiko, tro[v]ante ĉe ĝi jam senkonscie pretan kam[p]on de enradikiĝo. Movadoj ideaj nas[k]itaj ekster la necesaj kondiĉoj de l' tem[p]o kaj alkonformiĝo al la deziroj de la [m]ultulo de l'homoj povas sukcesi kel[k]an tempon, ĉu pro sia originaleco, ĉu [p]ro la agemeco de siaj ĉefoj ; ili baldaŭ [m]ortas aŭ sukcesas nur krei sektetojn, [k]iuj neniel influas la iradon de la socio. [M]ultaj estas la ekzemploj de tiuj mova[d]oj, kiuj ĉar ili rekondukas siajn adep[t]ojn al kelkaj jarcentoj antaŭe aŭ male [...]in metas antaŭ priokupoj, kiuj akriĝos [n]ur post jarcentoj, estas dediĉitaj al [...]ua-malfrua morto, kiel ajn ĝusta estas [p]er si mem ilia celado kaj kiel ajn ad[m]irinda estas la agado de iliaj adeptoj. [A]gadi en la absoluto, klopodi por la [r]ealigo de ideo antaŭ ol konscii, ĉu tiu [id]eo respondas nuntempan bezonon, es[ta]s songi.

La principoj de movado povas esti [k]laraj, la momento oportuna, tio sola [ta]men ne certigas al ĝi la vivon. Estas [a]nkaŭ necese vidi, kiel estas plenumata [l]a agado kaj kiujn fruktojn ĝi produk[ta]s. Agado estas interhoma afero, ĝi [es]tas komuna kunlaborado de pluraj [in]dividuoj por sama celo, sed per rimedoj malsamaj, malsamaj pro la publiko al kiu oni sin turnas, malsamaj pro la kapabloj de ĉiu homo. Estas do memkompreneble, ke tiu kunlaborado estos pozitiva kaj konstrua, nur se la tasko de ĉiu kunlaboranto estas difinita, nur se ĉiu klare konscias pri sia rolo, nur se ĉiu scias, al kio utilas lia laboro kaj kiujn rilatojn li havas kun siaj kunlaborantoj. Por ĉi tio estas necesa kontraktado inter tiuj kunlaborantoj ; la rezultato estas organizajo. Agadi en ordo, en unueco, kunigi malsamajn elementojn kaj peni, ke ĉiu el ili liveru maksimumon de utila laboro, meti ĉiun homon al lia ĝusta loko, t. e. al la loko por kiu lin difinas liaj kapabloj kaj lia inklino, starigi fortikan fundamenton materialan de la ideoj, kiujn ĝi disvastigas, jen la rolo de ĉiu harmonia organizajo. Movadon oni ofte komparas kun armeo. Armeo efektive estas organizajo, en kiu ĉiu homo havas sian taskon, sed grandaj diferencoj staras inter ĝi kaj movado organizita. Dum en la unua ĉio estas bazita sur la principo de aŭtoritateco, laŭ kiu ĉiu devas obei nepre sian superulon, ĉu li komprenas lin aŭ ne, laŭ kiu severa diciplino estas trudata kaj la libereco neniigita por ricevi maksimumon de unueco, en la dua, ĉar al movado homoj nur memvole aliĝas, ĉiu havas la rajton partopreni en la regado de la organizajo, laŭ difinitaj formoj, la diciplino estas necesajo konscie kaj propravole konsentata, la libera diskutado kaj iniciatemeco estas lasataj al ĉiuj, kondiĉe ke ĝi ne kontraŭstaru la unuecon, unuvorte ne ekzistas senpotencaj soldatoj kaj plenpotencaj oficiroj, sed por tiel diri regnanoj, kiuj rilatas inter si konforme al regularo, farita de ili aŭ de iliaj reprezentantoj.

Agado direktata de klaraj principoj, agado ĝustatempa, agado en la ordo kaj unueco, kiujn ebligas harmonia organizo, jen ĉefaj kondiĉoj de sukceso. Cent homoj laborantaj kune, ĉiu laŭ sia kapablo, sen deflankiĝo kaj sen neutila detala diskuto, estas forto pli utila kaj trafa ol centoble pli granda aro de individuoj, agantaj dise kaj senorde, sen la gvido de supera ideo kaj sekve, fruemalfrue, sen tiu memkonfido, kiu estas la unua venko.

Ni vidos poste kiamaniere nia movado, Esperantismo, rilatas al tiuj diversaj kondiĉoj, ĉu al ili nia agado konformiĝas.

H. HODLER.

## SOCIA VIVO

### JURO

### Poŝtaj ŝparkasoj

Laŭ la ekzemplo de Britujo ŝparkasoj estis kreitaj en Franc., Aŭstr., Ital., Holand., Sved., Bulgar., Belg., Rus. kaj Svisujo. Tiuj institucioj ne nur helpas la ŝparemon, sed fariĝis grandaparte popolaj bankoj administrataj de l' ŝtato. En Anglujo iu ajn povas mondeponi ĉe la poŝto, de 0,50 S ĝis 480 S jare kaj, se la sumo ne superas 10 S, reenspezi sian monon en kiu ajn poŝtoficejo, simple post la prezento de sia ŝparkasa libreto. Ĉiuj iom gravaj vilaĝoj havas poŝtoficejon, sekve ian bankon, per kiu oni ĉiam povas spezi malgrandajn sumojn. En 1901, la anglaj poŝtaj ŝparkasoj ricevis 1,4967,736 S, kaj 9.963,049 maldeponoj estis faritaj, aŭ prezento de la rajtiga libreto. En Francujo, dum 1908, 4,577,390 personoj havis en 788 poŝtoficejoj havajon da 511,203,65 S. Italujo kalkulis 5931 oficejojn kun 5.283.003 deponintoj kaj havajo da 393 S. Aŭstrio, en 1906, havis 6,479 oficejojn kun 2 004,487 deponintoj kaj 87 milionoj da S. Tiuj institucioj estas do veraj popolaj bankoj, kiuj simpligas la monajn rilatojn, precipe kiam al ili estas aldonita la sistemo de la poŝtaj ĉekoj, kiel en Aŭstrio, kie la salajroj de la ŝtatoficistoj estas pagataj per ĉekoj. Eĉ la pagado de la impostoj estas ofte farata per la poŝta ŝparkaso : samtempe kun la impostfolio oni ricevas kelkajn bultenojn de pagado, sur kies dorso oni skribas la specon de la imposto. Oni tiel povas senelspezo pagi siajn impostojn en kiu ajn poŝtoficejo. La posedantoj de poŝtaj ĉeklibroj eĉ bezonas iri nur ĝis la leterkesto. Kvitanco estas superflua. Se oni tamen deziras unu oni nur gluas sur la pagilo kvarspesdekan markon kaj post kelkaj tagoj oni ricevas la oficialan kvitancon. En la pasinta jaro 86 milionoj da S estis tiel pagitaj de 1.600,000 impostuloj. Svisujo kaj Germanujo nun studas tian saman sistemon.

En Belgujo kaj Aŭstrio ekzistas ŝparmarkoj, kiujn oni povas aĉeti en ĉiuj poŝtoficejoj ; oni gluas ilin en libreton kaj tio estas asimilata al depono. En Anglujo kaj Holando la repagado estas ankoraŭ iom malsimpla : oni devas antaŭe informi la centran oficejon por ke oni povu enspezi en kia ajn poŝtejo. Sed baldaŭ tiu formalajo estos simpligita kaj ĉiu havanta deponon povos elpreni ian ajn parton de ĝi, ĉe ĉiu ajn poŝtoficejo ; tio estos tre oportuna, speciale dum vojaĝo.

D. P.

### KOMERCO

### Nova procedo de vendado.

Sub la titolo centra agentejo por la vendado de vinoj, granda vinfirmo el Berlino ĵus provis novan procedon de vendado. Laŭ jura vidpunkto, tiu centra Agentejo formas kompanion kun limigita respondebleco, kies akcioj ne bezonas aparteni al la konsomantoj. Ĝia celo iel similas tiun de konsuma kooperativo. Efektive, ĝi ne estas perilo inter la produktanto kaj la kliento, kun la celo vendi plej kare komercajojn aĉetitajn plej malkare, kiel la ceteraj komercaj entreprenoj.

Male, ĝi liveras al ĉiuj klientoj la komercajojn, laŭ ilia aĉetprezo, t. e. interŝanĝe de la sumo, kiun ĝi mem elspezis por la aĉeto, doganelspezoj, transporto, salajroj, k. a. La profito de la societo konsistas el imposto da 10 % laŭ la neta prezo de la komercajoj aĉetitaj de la kliento. Ĉi tiu pagas tiun imposton, donante difinitan sumon, kiu rajtigas al li aĉeti certan kvanton de komercajoj. Ekzemple, pagante imposton da 2 S li povas aĉeti komercajojn, laŭ ilia neta prezo, ĝis 20 S.

Oni vidas la diferencon inter tiu nova metodo kaj la ordinara vendado. Ĉar la aĉetprezoj (publikigitaj en la katalogoj) estas samaj kiel la vendoprezoj, oni ne povas havi la tenton miksi la vinon kun akvo, doni al ĝi alian aspekton per koloriloj, trompi pri la deveno per malveraj etiketoj, k. t. p. Tiu nova vendado do aŭtomate garantias kontraŭ trompo.

Samtempe la komercisto iel fariĝas la administranto de la klientaraj interesoj, ĉar lia laboro estas pagata per procento laŭ la vendo. Sed li diferencas de kooperativa administranto per tio, ke li sola elportas la financajn riskojn de la entrepreno.

Lia intereso ne konsistas en tio, ke li faras profiton aĉetante malkare, sed en tio, ke li liveras bonkvalitajn komercajojn kaj vendas laŭ prezo proporcia kun tiu kvalito, laŭ la vere justa prezo. El la identeco inter la intereso de la negocisto kaj de la kliento konsistas la graveco de tiu nova procedo. La komerco do revenas al sia primitiva rolo : serĉi pli bonajn produktejojn kaj vendejojn, direkti la transporton kaj enmagazenigon de la komercajoj ĝis la konsumonto ilin bezonas.

Se tiu tute moderna komerco estas interesata pri la pligrandiĝo de la konsumado, tio ĉi ne malutilas al la kvalito. La komercisto do ne celos iam fari vendon kun grandaj gajnoj, sed organizi, en konstanta maniero, la vendadon de siaj komercajoj kun modera gajno, kaj dank'al tiu fakto, ke la klientoj promesis iom post iom aĉeti sufiĉe grandajn kvantojn de komercajoj, la vendado en la komercaj kalkuloj fariĝas io certa, la entrepreno ne plus havas spekulan karakteron kaj estas metode organizebla, tiel ke ĝi povas kontentigi la bezonojn de la konsumado. El tio sekvas siavice plimalgrandiĝo de la elspezoj, ebleco pli malkare vendi kaj pligrandigi la klientaron. En tio kuŝas la sukcesebleco de tiu nova komerca metodo.

Oni komprenas, ke la kampo, en kiu la principoj de la berlina centra agentejo por la vendado de l' vinoj estas aplikeblaj, kiel ajn vasta ĝi estas, ne estas senlima. Oni evidente ne povas scii, kiel tiu entrepreno montriĝos en la praktiko, tiom pli ke ĉio aŭ preskaŭ ĉio, en tia okazo, dependas de la entreprenestro, de liaj teknikaj kapabloj kaj de la pli-malpli granda konfido pri liaj kalkuloj rilate al la fiksado de l'aĉetoprezo. La fakto, ke tiu agentejo submetas siajn librojn al la konstanta kontrolado de rajtigitaj ekspertizistoj ŝajnas forigi eblan trompon.

Ĉiaokaze tiu provo estas interesa dokumento pri la progreso de la komerca tekniko, progreso, kiu povas prezenti notindajn profitojn el ekonomia kaj morala vidpunkto (1).

A. R.

(1) El « Les Documents du Progrès ».

### La mortpuno en Rusujo

Dum la sesa jaro en Rusujo daŭras la sanga epidemio de mortpunoj, diversaj mortigoj, memmortigoj. Kutime ĉiutage nun oni tralegas komunikajojn en gazetoj pri kvanto de mortpunoj, pri kvanto de kondamnitoj al mortpuno en tia aŭ alia anguleto de nia lando. Mi donos nur nudajn ciferojn pri mortpunoj kaj memmortigoj. Dum 11 monatoj ĝis decembro 1908 estis kondamnitaj al mortpuno 1691 personoj, el kiuj 663 estis ekzekutitaj, pendigitaj en eŝafodo aŭ pafigitaj. Tiaj informoj estas por la pasinta jaro, sed jenajn ciferojn ni trovas en rusaj gazetoj por unua kvarono de nuna jaro 1909 pri kvanto de mortpunoj, memmortigoj kaj pri sumo de monpuno de la rusa gazetaro al la registaro. Dum la unua kvaronjaro de 1909 estis entute mortkondamnitaj 396 personoj (meznombre 4-5 ĉiutage) ; el ili 230 homoj estis ekzekutitaj. Laŭ la monatoj, tiu kvanto estas dismetata jene : januaro 121, februaro 132, marto 143. Kiel oni vidas la kvanto de mortkondamnitoj kreskas pli kaj pli. Dum tiu sama periodo la memmortigoj kreskas : januaro 352, februaro 364. Ankoraŭ kelkaj vortoj pri « libereco de gazetaro ». La Rusa gazetaro dum la unua kvaronjaro 1909 devis pagi al la registaro, en formo de monpuno, 30,675 S !

A. POR-EV.

### SPORTOJ

### La Sokoloj

Ĝi estis en jaro 1862, kiam je iniciato de kelkaj noblaj viroj kunvenis areto da 70 membroj por fondi en Praha societon gimnastikan, kiu celadus konservon kaj pligrandigon de forto, kaj kiu plue per hardado de korpo kreadus firmajn karakterojn. Hodiaŭ post kvardek jaroj kalkulas la bohem-slava Sokolaro (1) pli multe ol sep cent unuiĝojn konsistantajn el 70,000 membroj de virinaj grupoj, 11,000 da junuloj metiistaj (de 14 ĝis 18 jaroj) kaj preskaŭ 12,000 da gelernantoj. De kie tiu ĉi miriga elkresko ? Tion oni devas aljuĝi unuavice al nobla ideo esprimita en fundamenta tezo de regularo, laŭ kiu « celo de la societo estas edifi animojn kaj korpajn fortojn de bohema popolo », poste en tio, ke la sokolaj societoj, estante malproksimaj de ĉiu profitemo, sekvis sole la noblajn idealojn de libereco, egaleco kaj frateco. Tiu ĉi principo estas karakterizata ankaŭ ekstere per tio, ke la membroj de la societo nomas sin « fratoj » kaj alparolas unu la alian per « ci ». En la unuiĝoj ekzercas la membraro regule trifoje dum la semajno en vesperaj horoj, dum la ceteraj tagoj sin ekzercas la virinoj, la junularo kaj gelernantoj. Oni ekzercas je kutima ilaro de eŭropaj gimnastikaj unuiĝoj laŭ spritplena sistemo de D-ro Miroslav Tyrŝ, unu el fondintoj de « Sokol ». Propraĵn gimnastikejojn havas 104 unuiĝoj, la ceteraj ekzercas parte en lernejoj, parte en domoj luprenitaj. Vigla, freŝa movado de ĝoja celkonscia laboro regas en gimnastikejo resonanta ĉe vicaj komunekzercoj per kantado de naciaj marŝkantoj. Post tempo grupiĝis la unuiĝoj sokolaj en regionaj asocioj, kiuj poste koncentriĝis en la plej alta centro « Bohema Unio Sokola ». Samregula direktado el tiu ĉi centro montriĝas eksteren per samformaj festaj kaj ekzerca kostumoj, komuna regularo kaj entute per ĉio, kio ligas reciproke la membrojn kaj la unuiĝojn. Mirinda libervola disciplino reganta en vicoj sokolaj klarigas sukcesojn sajne nekompreneblajn, kiujn atingis tiu ĉi kuniĝo de fratoj, celanta komunan ideon — bonon de la nacio kaj de la patrujo. Plej bona mezurilo de tiuj ĉi sukcesoj estas la kongresoj akompanataj de publika ekzercado de akuna membraro. Ĝis nun estis aranĝitaj kvin kongresoj, kies sukcesojn montras sekvanta statistiko : 1891, kostumitoj 5600, ekzercantoj 2500 ; 1895, kostumitoj 7366, ekzercantoj 4271, junuloj 700 : 1901, kostumitoj 11,000, ekzercantoj 6705, virinoj 867, junuloj 1988 ; 1907, kostumitoj 12770, ekzercantoj 7800, virinoj 2400, junuloj 500, lernantoj 1800.

De tridek jaroj ekligis la bohem-slava Sokolaro amikajn interrilatojn fakajn kun francaj gimnastikistoj kaj kiam estis fondita internacia ligo de gimnastikaj unioj eŭropaj (krom germanaj), ankaŭ kun la ceteraj membroj de tiu ĉi unio, ĝi multnombre partoprenis internacian vetekzercadon en Praha 1907, el kiu malfacilega konkurado eliris la vetgrupo bohema kiel « unua premiito ». La daŭrigado de frataj rilatoj kun Sokolaro de ceteraj Slavoj, estas komprenebla, ĉar la bohem-slava Sokolaro iniciatis ja fondigon de sokolaj unuiĝoj ĉe Poloj, Slovenoj kaj Kroatoj en Aŭstrio, ĉe Serboj kaj Bulgaroj balkanaj, lastatempe ankaŭ en Rusujo, kien multaj disciploj de bohemaj sokolaj unuiĝoj foriris kiel instruistoj pri gimnastiko en gimnazioj kaj realaj lernejoj. Estas citinda, ke amerikaj Bohemoj havas proksimume cent unuiĝojn sokolajn, flanke de kiuj ekzistas ĉirkaŭ 120 slovakaj kaj multe da polaj kroataj kaj slovenaj. La klerigadon helpas multaj unuiĝaj bibliotekoj havantaj je 80,000 da volumoj, poste oftaj paroladoj (meznombre 2,000 jare), ĝentiian amuzadon servas diversaj distrajoj, precipe la famaj « ŝibrinky » (maska balo) spicataj per sana humoro kaj sprito. Dum somero haviĝas oftaj marŝekskursoj al membraro unuflanke agrablan ĝuadon de naturo, aliflanke fortikan hardadon per daŭra marŝado. La tasko de sokolaj unuiĝoj estas bonalporta, la edukado vireca, procedo senescepte honesta. Ili estas lernejo por sano kaj forto, persisteco kaj disciplino, la bohema nacio havas en ili pruvitan protekton.

(1) Por esprimi siajn noblajn aspirojn kaj idealajn ambiciojn, elektis bohemaj gimnastoj por si la nomon *Sokol* (esp. fasko).

### INDUSTRIO

### Pri la industrio de la petrolo en Rumanujo.

Tiuj, kiuj okupiĝas kun la ekonomiaj aferoj scias ke inter la landoj produktantaj petrolon Rumanujo okupas la trian vicon kaj estis tempo kiam ĝia ĉiam kreskinta produktado rajtigis kredi ke ĝi okupos la duan, eĉ la unuan se la produktado kreskus ĉiam en la sama maniero kiel antaŭ 2-3 jaroj. Nun tamen la kapitaloj enigitaj en tiu ĉi industrio ne plu profitigas. La putoj ne plu eligas la kvanton sufiĉan por superi multe la elspezojn kaj de kelkaj jaroj strangan, tute kritikan situacion havas petrola industrio ĉe ni. La ekspluatado jam ĉesis, por vere diri, en multaj lokoj, estas putoj kiuj estas allasitaj, estas sondiloj kiuj ne plu laboras.

Tiu situacio malkvietigis la petrolistan rondon en Rumanujo, la regnestraron kaj tute prave la homoj sin demandis kia estas la kaŭzo, kiu influis tiamaniere la petrolan industrion, ke ĝi trairas nun tian malfacilan vojon ?

Ni vidu antaŭe la kapitalon enigitan en tiu industrio, ĝian naciecon kaj poste ni revenos.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Germana | — | kapitalo | — | 93.5 |
| Rumana | — | — | — | 35.0 |
| Franca | — | — | — | 33.3 |
| Holanda | — | — | — | 26.0 |
| Amerika | — | — | — | 15.0 |
| Itala | — | — | — | 13.6 |
| Belga | — | — | — | 9.2 |
| Angla | — | — | — | 6.6 |
| Austria | — | — | — | 5.2 |
| | | | | 237.4 |

Tio estas 237,4 milionoj de frankoj (94,000,000 S). Kion faris tiu ĉi granda kapitalo, kiam ĝi kaptis la tute primitivan industrion petrolan de Rumanujo ?

Ĉar, ĉie en Rumanujo, la petrolo ne estas profunde, kontraŭe ĝi havas je nur 100-200 m. de profundeco, iafoje eĉ pli malmulte, la unuaj elspezoj por ekspluatado ne estas tiom grandaj.

Multajn fojojn oni ne renkontas ŝtonon ĝis 200 m. tio kio multe helpas al la laboro. La plej granda malhelpo en la ekspluatado estas nur la akvo, kiun oni renkontas multajn fojojn ĝis petrolo kaj kiu se ne estas ĝustatempe malhelpata eniras petrolan ujon.

La facileco de fosado instigis la vilaĝanojn, la unuajn petrolekspluatistojn, ekpluati petrolon per primitivaj rimedoj ; tiel ili fosis putojn, ĝis 90-100 m. plej profundajn, per tosilo, pikfosilo, dinamito kaj eltiris la petrolon per siteloj. Tiu ĉi ekspluatadmaniero certe ne multe profitis al ili sed la multon de la putoj, iliaj neelĉerpeblaj enhavoj altiris la atenton de la fremdaj petrolistoj, kiuj trovis tie ĉi virgan fonton de riĉeco kaj dum 10-20 jaroj akaparis ĉiujn bienojn petrolproduktantajn kaj kiuj estis konataj tiaj. Certe meto de sondilo, nova eltirilo, mekanika, pli racia, ne kostis multe ĉar la puto jam ekzistis. Do, la kapitalo alvenanta trovis larĝan kaj facilan kampon ekspluateblan kaj ĝis la lastaj jaroj ekspluatadis ĝin laŭ sia plaĉo ; sed se la primitivaj ekspluatadrimedoj ne estis povintaj elĉerpi la enhavon de la putoj, la novaj ĝin elĉerpis kaj venis momento, kiam la kapitalo devas vere labori, tio kion ĝi ĝis nun ne faris.

Nun sin sentas la neceseco ke la putoj estu pli profundigataj, ke la sondiloj boru funden. Tio kostas monon kaj la ekspluatistoj elspezis la monon pli multe par la administrado (2/3) ol por la ekspluatado, kiel devus okazi. Estas societoj kiuj pagas direktorojn kun salajroj el la fabeloj. Por trovi ree la petrolon en grandaj kvantoj por liveri 20 vagonojn ĉiutage, aŭ eĉ

pli multe, kiel antaŭe estas necese ke la putoj atingu 900-1000 m. je profundeco, ĉar laŭ la fundaj studoj la petrolo estas en granda kvanto je tiu profundeco. Tiu borado estus vere pli malfacila ju pli profunden iras sed ne rajtas pro tio allasi ĉion. Plie oni ne rajtas diri, ke ne plu estas petrolo.

La petrola produktado de antaŭ kelkaj jaroj kreskis tute subite, ekz. en 906 ĝi estis 891,000 tonoj kaj en 907, 1.142.000 tonoj dum en ĉiuj aliaj jaroj la kreskado estis nur je 1/5 aŭ 1/4 kaj en la lasta jaro 908 la kreskado estis nur 80,000 tonoj.

Kiel, sin montras el pli supre, la kreskado ne estis natura kaj fatale devis alveni ĉe tiu ĉi ne produktiveco, kiu maltrankviligas la posedantojn de la petrolaj kapitaloj. Sed, ni esperas ke la sperto montros al ili, ke anstataŭ paroli kaj peti helpon de la ŝtato, pli bone estus se la borilo eniĝus pli funden en sia puto.

En Pensylvania la petrolaj putoj atingis 1200 m. en Rusujo en Kaŭkazo same super 1000 m. nur ĉe ni oni haltis je 450 m.

Alia kaŭzo estas, ke la tutan kvanton de petrolo oni eltiras nur el 3 ĉefaj lokoj, Buŝtenari, Ĉimpina kaj Moreni, ĉiuj en la sama regiono malproksime unu de alia nur je 5-6 klm. Tiu ĉi kuncentriĝo de la produktadejoj montras la neseriozecon de la ekspluatado, kiu volas nur gajni, nenion riskante. Jes, ĉar estas en multaj aliaj regionoj Succava, Dîmbovita, Buzaŭ, ktp, lokoj, kiuj estas riĉaj je petrolo, sed ĝi ne troviĝas tiel supre, kiel en Buŝtenari, Cimpina aŭ Moreni. Eĉ la jam ekspluatataj regionoj ne estas ĉie ekspluatataj, ĉar rigardante karton prezentantan la poziciojn de la sondiloj oni tuj rimarkos la malgrandan spacon utiligitan.

Do, diri ke petrolo ne ekzistas en Rumanujo ne estas vero. Ĝi ekzistas sed, ĝi devas esti racie kaj science ekspluatata.

En venonta artikolo, mi diros pri petrola industrio en tio rilatanta la devenajojn el ĝi.

J. Giuglea, Del U. E. A. (Bukarest).

## EKSPOZICIOJ & FESTOJ

### VIII Internacia Ekspozicio de Arto en Venizo

La 24an de Aprilo solene inaŭguriĝis la oka ĉiudujara Ekspozicio de Arto en Venizo. Sur la ekstrema trankvila terlango kiu okcidente de Venizo ŝovas sin inter la smeralda verdo de la laguno kaj la pura blueco de la ĉielo, meze de ombriga, freŝa pitoreska parko, stariĝis nun nova kaj originala urbo internacia kiun oni povas nomi la urbo de la beleco. La centra palaco, laŭ greka arkitekturo estis konstruata en 1893 okaze de la unua ekspozicio kaj tiam estis sola. Poste kelkaj nacioj volis havi propran domon por siaj artistoj oni konstruis la pavilonojn de Belgujo, Anglujo, Bavarujo Hungarujo, kaj la laŭdinda ekzemplo trovos sendube ankoraŭ imitantojn en la estonto.

Speciala karaktero de la unua ekspozicio, kiu laŭ ĝenerala opinio sukcesis pli interesa kaj riĉa ol la antaŭaj estas, krom la diversaj novaj pavilonoj la aranĝo de ĉirkaŭ dudek individuaj elmontroj de eminentaj artistoj italaj kaj alilandaj inter kiuj Paul-Albert Besnard, Anders Zorn, Franz von Stück, Peter Severin Kroyer, k. c. Ĉe la malfermo ĉeestis multa nombre la plej intelektuala kaj eleganta parto de la kosmopolita loĝantaro de Venizo. Parolis la Urbestro kaj la Ministro de la Publiko Instruado aludintaj per nobelegaj vortoj al la komuna celo de la diversaj popoloj kiuj sur la paca kampo de l'arto fratiĝas kaj perfektiĝas. Bedaŭrinde kiom da aŭskultantoj komprenis la belan sed malfacilan lingvon de la parolintoj? La Ŝtataj Fervojoj por faciligi la viziton de la Ekspozicio konsentis specialajn rabatojn. Biletoj, valoraj dum 25 tagoj kaj rajtigantaj la posedanton al senpaga eniro en la Ekspozicion kostas la jenajn prezojn.

| | | | | IIa kl. | IIIa kl. |
|---|---|---|---|---|---|
| Ala. | — | Venizo | Fr. | 22.38 | 15.70 |
| Chiasso. | — | » | » | 35.75 | 24.30 |
| Modane. | — | » | » | 57.25 | 38.15 |
| Pontebba. | — | » | » | 24.30 | 16.90 |
| Ventimiglia. | — | » | » | 60.75 | 40.40 |

C. S. (Verona).

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Festo de l'Vinrikoltoj en Bordeaux

Ĉiu Esperantisto legis en « Tra la Mondo » dum 1905a artikolon de H. Hodler pri Vevey kaj la ĉiudekjara festo de l' Vinberistoj. Ĉiu scias ke tiu festo alloga alkondukas al Vevey grandan fremdularon, kiu dum kelke da tagoj admiras spektaklon ne ordinaran kaj vidindan.

Bordeaux, unu el la grandaj urboj de Francujo kaj ĉefurbo privina de l' mondo povas fari samsukceson kion faris l'urbeto svisa kaj pro tio jurnalo « Petite Gironde » kun helpo de la urbestraro organizas « Feston de l' Vinberrikoltoj ». La urbestro permesis ke ĝi lokiĝu sur placo « Quinconces » kaj promesis helpi kiel eble plej taŭge al la sukceso. Antaŭ ol fini l'artikolon mi scias ke la ĝenerala konsilantaro garantiis sumon da 2000 Sm. kaj la prefekto akceptis honoran prezidantecon. Ĉiuj grupoj, anaroj pri vinaj aferoj estas invitataj helpi al tiu manifestado kiu devas superi ĉiujn kiuj okazis ĝis nun, ĉu en Francujo ĉu aliloke : La celo de « Festo del'Vinberrikoltoj estas glorigado de l' vinberujo kaj de l'vinoj de l' departamento Gironde.

« Gironde » havas vinojn purpurajn kaj rubenkolorajn je gusto de superlativa distingo ; vinojn blankajn taŭge komparatajn je sunaĵo en botelo kaj kies klareco egalas tiun de multkostaj ŝtonoj. De tiuj noblaj vinoj kiuj estas kiel oni diris — la strangeco de l' perfekto — oni volas glorigi dum Festo de Vinberrikoltoj. la senkomparajn indecojn kaj la neprajn virtojn bonfarantajn. La Festo daŭros 3 tagojn. Ĉiumatene la 11an, 12an, 13an de Septo proksiman sur la ĉefaj stratoj de l'urbo promenados belega irantaro da 30 ĉaroj kaj 2500 gekunludantoj. Posttagmeze sur placo « Quinconces » daŭros la festo. Tie en vasta montrejo kie troviĝos 50,000 sidlokoj disvolviĝos la fazoj poecaj kaj artistaj de la simbola festo, antaŭ rigardantaro alveninta de ĉiuj punktoj francujaj kaj fremdujaj : 600 gekantistoj, du orkestroj da 100 muzikistoj, 15 orfeonoj kaj fanfaroj, k. t. p. sur l'esplanado kies randoj estos lumigitaj de portikoj designitaj kaj kolorigitaj de jam famaj pentristoj, parados l'aro da 2,500 ludantoj je vestaĵoj brilantaj, la 30 ĉaroj trenataj de 24 paroj da bovoj je jugo rubanornamitaj kaj florornamitaj kaj ĉevalarego je helegaj puntaĵoj, naskigante admiron el ĉiuj. Inter la ĉefaj ĉaroj ni citu : Tiu de Bakus eskortata de sia trupo da bakantinoj ekkriantaj : Evohé ! ojn, sonigante siajn tirsojn malpezajn ĉirkaŭataj de vinberujaj brančetoj.

Tiu de Vinberrikoltoj kun siaj belaj vinberistinoj, siaj getrančistoj, donkorbportistoj, siaj alĉarĝistoj, siaj premistoj. Tiu de l' dika Sileno, tiu senlaca malpleniganto de pokaloj tiu de Pales, diino de l' ŝafgardistoj, ŝafaroj kaj paŝtejaro. Kaj multaj aliaj ĉaroj simboligantaj la diversajn fakojn de agrikulturo de nia sud-okcidenta regiono.

La Festo estos ankoraŭ pli alloga ĉar estos invitataj delegacioj de l' departamentoj najbaraj por prezenti siajn ĉefajn produktaĵojn. Unu el la allogaĵoj : Restarigo de l' pitoreskaj kostumoj de l' malnovaj provincoj, portataj de gejunuloj alvenintaj de l' landloko mem. Reĝinoj de vinberrikolto elektitaj en ĉiuj fokusoj de vinprodukto, alvenos kaj sur specialaj ĉaroj montros la famajn vinberdevenejojn. Tiuj reĝinoj elektos siavice ĉefreĝinon kiu luksege tronos inter siaj kunulinoj. Antaŭ la vasta ĉeestantaro ĉefaj kaj famaj geaktoroj kantos odojn aŭ deklamos poemojn ; Ĉarmplena pastrino de Terpsikoro, ĉirkaŭata de ĉarma balestinaro prezentos sub hela lumo eŭritmion de l' danioj grekaj, dum l'orkestroj ludos gajajn partiturojn kaj la kantistaroj suprenĵetos sub ĉielo blua kaj malvarmeta de Septembro siajn entuziasmajn kantojn.

50,000 personoj kiel dum feajo aklamos la interpretojn de tiu festo de harmonio, ĝojo, koloro, lumo kaj la eĥoj la plej malproksimaj rediros tra tuta Francujo kaj Fremdujo la gloron de niaj vinoj.

Ĉar ia festo okazos ĉe la fino de l' 5a kongreso La Bordeaux'aj Esperantistoj insiste petas kaj invitas la jam kongresintojn alveni nian urbon kie kun ĝojo kaj afableco ili estos akceptataj. Ĉar Bordeaux estas krom la festo, belega urbo vidinda certe kelke da samideanoj aŭskultos nian alvokon. Mi estas je ilia dispono por ĉiuj informoj.

Ch. Brunet (Del. Bordeaux).

## TURISMO

### La Franca Turing-Klubo

Unu el la plej potencaj kaj utilaj asocioj turismaj el la mondo estas sen dubo la Franca Turing-Klubo Tiu grava organizaĵo, fondita en jaro 1890, laŭ la iniciato de S-ro A. Ballif, kiu restis ĝia prezidanto kaj dank'al kies senlaca laboro estis ŝuldota ĝia prospereco kaj rapida kresko, Ĝi celas la pli vastigon kaj pli prosperigon de l'turismo en ĉiuj ĝiaj formoj. Ĝia kampo de agado koncernas ĉiujn turistojn. kia ajn estas la rimedo de veturado — piediro, rajdado, bicikletirado, aŭtomobilo, jaĥto, skio, fervojo, eĉ aviadilo — ĉion, kio interesas la vojoĝanton, kio povas pli faciligi la vojaĝojn kaj instigi al ili : eldonaĵoj, transportoj, hoteloj, pli bonigo de l'vojoj, diskonigo kaj protektado de la naturaj belaĵoj (vidaĵoj, ruinoj, arbaroj, malnovaj monumentoj, k. t. p.).

La membra kotizaĵo estas 2 S jare kun insigno kaj senpaga ricevo de la monata revuo La asocio estas administrata de komitato, kiu mem elektas diverfakajn subkomitatojn (ekz. vintra turismo, lerneja turismo, k. t. p.). En ĉiu loko de Francujo kaj en multaj urboj de fremdlando estas delegito, kies tasko estas helpi al la komitato por la starigo de ĉiuj servoj organizitaj de T. C. F., kaj doni informojn kaj helpon al la membroj de T. C. F. pri la turismaj aferoj en sia lando.

La servoj farataj de la Franca Turing-Klubo estas tre gravaj kaj ŝatataj de siaj membroj kaj de la publiko. Pro sia graveco kaj povo ĝi sukcesis fari kontraktojn kun la hoteloj kiuj laŭ difinitoj kondiĉoj, konsentas al ĝiaj membroj, rabaton de 10 % ; ĝi faris ankaŭ specialajn aranĝojn kun la registaroj, per kiuj la formalaĵoj en la doganejoj estas multe simpligitaj por la bicikletistoj kaj aŭtomobilistoj membroj de T. C. F. ; ĝi per malavara disdono de monhelpoj multe helpis por la pli bonigo de l'vojoj, starigo de [illegible]okoj en pentrindaj lokoj kaj pro sia potenco sukcesis ofte konservi pitoreskajn lokojn kaj monumentojn. Por instigi la amon al la turisma sporto, ĝi organizas konkursojn kun monpremioj, lernantajn karavanojn kaj ekskursojn, donas premiojn al la plej bone prizorgatoj hoteloj, liveras ĉiujn informojn al la personoj, kiuj deziras vojaĝi, k. t. p. Multenombra, diversa kaj ĉiam praktika estas la laborado de la Franca Turing-Klubo ; granda estas la profito, kiun alportis ĉi tiu asocio al Francujo elvidpunkto de turismo. La rezultatoj estas tiom pli ŝatindaj, ke la T. C. F. disvastiĝis kaj kreskis tute memotare, sen speciala helpo de la registaro, precipe en la komenco ; sian sukceson ĝi ŝuldas ankaŭ ĉio al sia forta organizo kaj al la praktikeco de siaj projektoj.

En 1890 la T. C. F. kalkulis nur kelkajn ciklistojn ; ĝi nun enhavas 110.000 ĉiurangajn membrojn — nombro, kiu ĉiutage kreskas — kaj ĝia buĝeto atingis preskaŭ 400,000 S.

Granda parto de tiu sumo estas uzata por monhelpoj kaj konkursoj por entreprenoj rilatoj al turismo, en la plej larĝa senco de l'vorto.

U. E. A., kiu rilatas internacie al diversaj fakoj kiel T. C. F. rilatas al turismo e[...] cujo, povas kaj devas multe lerni de[...] tinda organizaĵo, kiu per sia propra f[...] numis tiel ŝatindan laboron.

A. [...]

## TRA LA MONDO

# Vojaĝo tra la valo de Rejno

*(Daŭrigo)*

Ni forlasas Koelnon kaj veturas per la fervojo al *Bonn*, kiun ni atingas post tri kvaronoj



PANORAMA VON COBLENZ

da horo. Bonn estas agrabla universitata urbo je 80,000 enloĝantoj, inter ili multaj rentuloj. Ĝi havas belajn stratojn kaj ĝardenoj kaj longan promenejon apud la rivero. El multaj vidindaĵoj mi citas nur la gracian ponton super la Rejno, bone videblan de la belvidejo « Alter



DÜSSELDORF-HAFENQUAI

Zoll », ia Universitaton, eksa palaco de la princo-elektisto de Koln, la domon de la fama muzikisto Beethoven, kaj la katedralon (Münster).

De Bonn la vagonaro nin portas en 8 minutoj al *Bad Godesberg*, al la *Rejna Esperanto-Kolonio*. Bad Godesberg estas ĉarma ĝardenurbo je 20.000 enloĝantoj (vidu la bildon kaj la anoncon !) Nur malgranda parto de la loko estas rezervita al magazenoj, preskaŭ ĉiuj domoj estas kampodomoj, ĉirkaŭitaj de bone kulturitaj ĝardenoj.

Belegaj palacoj en grandiozaj parkoj alternas kun simplaj kampodomoj kaj iliaj beletaj ĝardenoj. Multaj el tiuj belaj kamp[...] estas loĝejoj por fremduloj. La loko p[...] ĉiun komforton de granda urbo. Sen[...] estas la promenejoj ; la plej ŝatata est[...] bordo de la Rejno, kies vera beleco [...] ĝis ĉe Bad Godesberg. Tie je la u[...] montoj tuŝas la riveron, nome la fam[...] Montoj », inter ili la « Drachenfels » [...] ruino kaj kastelo. Antaŭ la montaro [...] fluas la Rejno, sur kies ondoj balanciĝ[...] kaj ŝipetoj. Ĉiu promenanto sur la Re[...] estas ravata rigardante tiun pejzaĝo[...] belvidejo estas la monto « Godesburg[...] leviĝas en la okcidenta parto de la lo[...] estas la ruinoj de antikva kastelo, [...] famaj ruinoj de la Rejna valo. Rigarda[...] den oni vidas la urbon Bonn kaj en la [...] simo la turojn de la katedralo de Koln[...] oriento oni rimarkas la « Sep Montojn » [...] sudo « Rolandseck » kun la « Rodde[...] eksa vulkano, en la okcidento la mont[...] giono de « Eifel ». Nepre oni vizitu al la [...] Montoj » kaj al Rolandseck ; ambaŭ e[...] cile atingeblaj de Godesberg per vap[...] Do la Esperantistoj, kiuj loĝas dum [...] tempo en la « Rejna Esperanto-Kolonio » [...] vas la plej sportunan okazon por e[...] plej belan parton de la Rejno.

F. A[...] (Bad [...])



GOAR UND DIE KATZ

FELIETONO DE « ESPERANTO » 5

# RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### III. Al ekzekuto per pendigo.

*(Daŭrigo)*

Malpleje similis la satanon tiu ĉi hometo kun malgranda, velka vizaĝeto, sed en lia anserbleko estis io, kiu profanigis la sanktecon kaj la fortikon de la malliberejo. Se li ankoraŭ iom daŭrus ridegi — kaj jen putre disfalus la muroj, falus la moliĝintaj kradoj, kaj la subestro mem elkondukus la arestitojn tra la pordego : bonvolu, sinjoroj, promeni tra la urbo — aŭ eble iu volas en vilaĝon ? Satano !

Sed Janson jam ĉesis ridi kaj nur fermetis ruze la okulojn.

— Nu, jen do ! — diris la subestro kun ia nedifinita minaco kaj foriris rerigardante.

La tutan tiun vesperon Janson estis trankvila kaj eĉ gaja. Li ripetadis por si mem la diritan frazon : — « Oni ne devas min pendigi », — kaj ĝi estis tiel konvinka, saĝega, nerifutebla, ke ne estis bezono maltrankviliĝi pri io. Pri sia krimo li jam delonge forgesis kaj nur iafoje bedaŭris, ke li ne prosperis malĉastigi la mastrinon. Kaj baldaŭ li ankaŭ tion forgesis.

Ĉiumatene Janson demandis, kiam oni pendigos lin, kaj ĉiumatene la subestro kolere respondis :

— Ankoraŭ sukcesos, satano. Sidadu ! — Kaj pli rapide foriradis, antaŭ ol Janson komencis ridi.

Kaj pro tiuj ĉi sammaniere ripetataj vortoj, kaj pro tio, ke ĉiu tago komenciĝis, trapasis kaj finiĝis, kiel plej ordinara tago, Janson nerifuteble konvinkiĝis, ke estos nenia ekzekuto. Tre baldaŭ li estis forgesanta la juĝadon kaj restadis tutajn tagojn sur la litaĵo, revante malklare kaj ĝoje pri la malgajaj neĝaj kampoj kun la montetoj, pri la stacidoma bufedo, pri io pli malproksima kaj ĝojiga. En la malliberejo oni lin bone nutris kaj li iele tre rapide, dum kelkaj tagoj, fariĝis plenkorpa kaj komencis iom gravulimagi.

— « Nun ŝi mem ekamus min » — ekpensis li iam pri la mastrino. — « Nun mi estas dika ne malpli, ol la mastro ».

Kaj li nur tre dezirus brandon — engluti la brandon kaj rapiderapide promenveturi sur la ĉevaleto.

Kiam oni arestis la teruristojn, la informo pri tio ĉi atingis la malliberejon ; kaj je l'kutima demando de Janson, la subestro subite neatendite kaj sovaĝe respondis :

— Nun baldaŭ. — Rigardis lin trankvile, serioze kaj diris : — Nun baldaŭ. Mi pensas, ke post unu semajno, kredeble.

Janson fariĝis pala kaj, kvazaŭ tute ekdormante, tiel malklara fariĝis la rigardo de liaj vitraj okuloj, li demandis :

— Vi ŝercas ?

— Jen li malpaciencis, kaj jen « vi ŝercas ». Ni malkutimas ŝerci. Ĝi estas vi, kiuj amas ŝerci, sed ni malkutimas ŝerci — diris indece la subestro kaj foriris.

Jam la saman tagon vespere Janson maldikiĝis. Lia etendita kaj jam glatiĝinta haŭto subite kuntiriĝis per multaj malgrandaj sulketoj, ie ĝi eĉ kvazaŭ pendis. Liaj okuloj iĝis tute dormemaj kaj ĉiuj movadoj tiel malrapidaj kaj malvigiaj, kvazaŭ ĉiu turno de kapo, movado de fingroj, ĉiu piedpaŝo estis tia maloportuna kaj malsimpla entrepreno, kiun oni bezonis antaŭe tre longe pripensadi. Nokte li sin metis sur la litaĵo, sed ne fermis la okulojn kaj tiel, dormemaj, ili restis malfermitaj ĝis la mateno.

— Aha ! — diris kun plezuro la subestro, vidinte lin la sekvantan tagon. — Tie ĉi, kolumbeto, ne estas por ci drinkejo.

Kun agrabla kontentiga sento, kiel scienculo, kies provo refoje prosperis, li rigardadis la juĝiton atente kaj detale de l' piedoj ĝis la kapo : nun ĉio irados, kiel konvenas. La satano estas hontigita, la sankteco de l' malliberejo kaj de l'ekzekuto estas restarigita kaj la maljunulo malsevere, eĉ kun sincera kompatemo, informiĝis.

— Ĉu volas ci vidi iun, aŭ ne ?

— Por kio vidi ?

— Nu, adiaŭdiri. La patrinon, ekemple, aŭ fraton.

— Oni ne devas min pendigi, — mallaŭte diris Janson kaj strabe rigardis la subestron.— Mi ne volas.

La subestro ekrigardis,— kaj silente svingis la manon.

Vespere Janson iom trankviliĝis. La tago estis tiel ordinara, la nuba vintra ĉielo tiel ordinare lumis, en la koridoro tiel ordinare sonadis la paŝoj kaj ies afeta, interparolo tiel ordinare, natue kaj kutime odoris la barĉo el peklita brasiko, ke li ree ĉesis kredi la ekzekuton. Sed nokte revenis la timo. Antaŭe Janson konsideris la nokton simple, kiel mallumon, kiel aparte malhelan tempon, dum kia oni devas dormi, sed nun li eksentis ĝian misteran kaj minacan esencon. Por ne kredi la morton, oni devas vidi kaj aŭskulti ĉirkaŭ si ordinaraĵojn : paŝojn, voĉojn, lumon, barĉon el peklita brasiko, sed nun ĉio estis neordinara, kaj tiu ĉi silento kaj tiu ĉi mallumego eĉ per si mem estis jam kvazaŭ morto.

Kaj ju pli daŭris la nokto, fariĝis des pli timige. Kun naiveco de sovaĝulo aŭ infano, konsiderantaj ĉion ebla, Janson volis krii al la suno : lumigu ! Kaj li petis, li petegis, ke la suno lumigu, sed la nokto neŝanĝeble tiradis super la tero ĝiajn nigrajn horojn kaj malestis forto, kiu povus haltigi ĝian iradon. Kaj tiu ĉi malebleco, unue tiel klare aperinta en la malforta cerbo de Janson, plenigis lin per teruro : ne kuraĝante ankoraŭ klare eksenti tion, li jam konsciis la neeviteblecon de l' proksima morto, kaj per mortiĝanta piedo li ekpaŝis la unuan ŝtupon de la eŝafodo.

La tago ree trankviligis lin, kaj la nokto ree timigis, kaj tiel estis ĝis tiu nokto, kiam li konsciis kaj ankaŭ eksentis, ke la morto estas neevitebla kaj venos post tri tagoj, je l'tagiĝo, kiam la suno estas leviĝonta.

Li nenian pensis pri tio, kio estas la morto, kaj li ne povis imagi ĝin al si, — sed nun li sentis klare, vidis, eksentis, ke ĝi eniris en lian ĉelon kaj serĉas lin, palpumante per la manoj. Kaj sin savante, li komencis kuradi tra la ĉelo.

Sed la ĉelo estis tiom malgranda ; ŝajnis, ke ĝi ne havas ortajn, sed nur malakutajn angulojn, kaj ĉiuj ili puŝadas lin en la mezon. Kaj li nenie povas sin kaŝi. Kaj la pordo estas ŝlosita, kaj estis lume. Kelkfoje li senvoĉe frapis la murojn per la torso, fojon li puŝiĝis je l' pordo ; estas sensone kaj dezerte. Li puŝiĝis je io kaj falis kun la vizaĝo malsupren kaj nun li eksentis, ke la morto lin kaptas. Kuŝante sur la ventro, alpremiĝante ĉe la planko kaj kaŝante la vizaĝon en la malhela, malpura asfalto, Janson ekkriegis pro teruro. Li kuŝis kaj tutvoĉe kriegis ĝis oni venis. Kiam oni levis lin de la planko, sidigis sur la litaĵo kaj superverŝis lian kapon per malvarma akvo, Janson ankoraŭ ne kuraĝis malfermi la forte fermitajn okulojn. Malfermetos unu okulon, ekvidos luman malplenan angulon aŭ nur ies boton en malplenaĵo kaj denove komencas krii.

Sed la malvarma akvo komencis efiki ; ankaŭ helpis, kiam la dejoranta subestro, la sama maljunulo, kelkfoje frapis resanigeme la kapon de Janson. Kaj tiu ĉi sento de l' vivo efektive forpelis la morton : Janson malfermis la okulojn kaj poste kun konfuzita cerbo forte ekdormis. Li kuŝis sur la dorso, kun [...] mita buŝo kaj laŭte, gargarsimile ro[...] kaj inter la palpebroj neforte fermitaj [...] mis la plata morta okulo sen pupilo.

Plue la tago, la nokto, la paŝoj, la vo[...] la barĉo el peklita brasiko — ĉio en la [...] iĝis por li nur unu seninterrompa te[...] metis lin en la staton de ia sovaĝa, ku[...] komparebla, mirego. Lia malforta pe[...] povis kunigi tiujn ĉi du konceptojn, tie[...] tre kontraŭajn unu al la alia ; natura[...] tagon, odoron kaj guston de brasiko [...] tion, ke post du aŭ unu tago li devas [...] Li nenion pensis, eĉ ne kalkulis la ho[...] nur staris en mutiga teruro antaŭ tiu [...] traŭaĵo, kiu disŝiris lian cerbon je du [...] kaj li fariĝis egale pala, nek pli pala, [...] ruĝa kaj laŭvide ŝajnis trankvila. Li [...] nion manĝis kaj tute ĉesis dormi : [...] nokton li aŭ timeme sidis sur la ta[...] fleksinte sub si la piedojn, aŭ dormeme [...] tra la ĉelo, kaŝeme ĉirkaŭrigardante. Li[...] estis duone malfermita, kvazaŭ pro [...] grandega miro, kaj antaŭ ol preni en [...] nojn ian plej ordinaran objekton, li lo[...] stultege pririgardis ĝin, kaj prenadis ĝi[...] konfide.

Kaj kiam li fariĝis tia, la subestroj [...] kaŭ la soldato, observinta lin tra la fen[...] ĉesis lin atenti. Tia estis ordinare la [...] ekzekutotoj ; laŭ la opinio de la subes[...] niam spertinta tion, ĝi similis la stato[...] bruto, kiam oni senkonsciigas ĝin, ek[...] la frunton per la malakrajo.

— Nun li surdiĝis, nun li nenion eksen[...] la morto mem, — diris la subestro, fiks[...] dante lin per spertaj okuloj. — Johano, [...] kultas ? Ah, Johano ?

— Oni ne devas min pendigi, — malg[...] sonis Janson, kaj lia malsupra mak[...] malsuprenpendis.

— Jen se ci ne mortigus, oni ne [...] cin, — instrueme diris la supera subes[...] koraŭ juna, sed tre gravmiena viro kun [...] noj.

(Daŭrigo [...])

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

### Fako Iª : ADMINISTRADO

*Diversaj Avizoj.*

∴ La *Oficiala Bulteno* de U. E. A. (N° 2ª) jus estis sendita al ĉiuj Del. & Subdel., kiuj bonvolu sendi la respondilon antaŭ la *30ª de Majo* kaj antaŭe, se eble.

∴ Jus aperis la 3ª korektita kaj kompletigita serio de la *Oficiala Jarlibro* de U. E. A. Laŭ ĝi U. E. A., je la 1ª de Majo, kalkulis 201 Delegitojn, 94 Vicdelegitojn, 398 Subdelegitojn, 414 Konsuloja kaj 111 Esp-Oficejojn en 580 lokoj.

Ĉiuj korektoj, aldonoj, k. a. por la venonta serio estu sendataj antaŭ la 1ª de Junio.

∴ Nova leterpapero estis presita. La mendantoj bonvolu ĉiam diri, ĉu ili deziras leterpaperon por Del., Subdel. aŭ membroj.

∴ Niaj Del. & Subdel. bonvolu ĉiam sendi al ni la nomojn de la novaj aliĝantoj sur membrolistoj ; ili evitu ilin skribi en la teksto de letero aŭ sur la dorso de poŝtmandatoj.

*Propagandiloj en nacia lingvo.*

Ni altiras la atenton de ĉiuj niaj Del., Subdel. kaj membroj pri la propagandaj broŝuroj pri U. E. A., kiujn nia Asocio eldonas kaj eldonos en la ĉefaj naciaj lingvoj. Jam ofte niaj amikoj kaj propagandistoj petis taŭgan propagandilon nacilingve redaktitan dank'al kiu ili povos facile konigi al la neesperantista publiko kaj al la veraj interesatoj la praktikajn servojn de U. E. A. Tiu deziro estas nun kontentigita jam por kelkaj lingvoj. Tiu broŝuro enhavas enkondukon pri Esperanto kaj Esperantismo, plenan klarigon pri la diversaj servoj de U. E. A. (traduko de la jam aperinta Esp. broŝuro), konsilojn al la personoj interesitaj de la broŝuro, liston de niaj Del. en la lingvolando, elementojn pri Esp. gramatiko kun listo de lerniloj. Ĉi tiu tre oportuna broŝuro, en kiaj nacia lingvo, estas vendata laŭ la jenaj malkaraj prezoj : 10 ekz. 0,20 ₷ ; 50 ekz. 0,60 ₷ ; 100 ekz. 1,50 ₷.

Ĝis nun *aperis* la eldonoj en *itala* kaj *germana* lingvo. Eldonoj *hispana* kaj *franca* estas nun en *presado*. Fine, ni klopodas por eldonoj en *angla* kaj *rusa* lingvo, kiuj aperos baldaŭ. Plie, resumo de ĝi troviĝas en *dana* lingvo. (Det Hjoelpesprog Esperanto).

Ni esperas, ke multaj el niaj amikoj uzos tiujn propagandilojn, kiuj ankaŭ tre taŭgos kiel planoj por gazetartikoloj aŭ publikaj paroladoj pri U. E. A.

### Fako : Vª TURISMO

*Someraj libertempaj kolonioj.*

Ni rememorigas al ĉiuj Esperantianoj, kiuj dezirus kune pasigi libertempon, pri la ekzisto de la libertempaj *Esperanto-Kolonioj*, starigitaj sub la aŭspicioj de U. E. A. Ili estas ĝis nun nombre tri : *Rejna Esperanto-Kolonio* en Bad-Godesberg, bonege organizita kaj en pentrinda regiono (por ĉiuj informoj sin turni al S-ro D-ro Arntz, Bad-Godesberg), *Esperanto-Eldorado*, en Adelboden (monta restadejo en Berna Oberlando, 900 m.), *Esperanto-Paradizo*, en Meggen (borde de Lucerna Lago, Svisujo). Ni esperas, ke ĉiuj Esp-ianoj, kiuj ĝuas libertempon, bonvolos pasigi kelkajn tagojn en unu el tiuj Esperanto-Kolonioj, kies sukceso estas grava por nia afero. Por la informoj pri la du lastaj, sin turni al S-ro Schmid (Esperantio, Bern.). La Komitatano de turisma fako ankaŭ plezure ricevos la nomojn de Esp-ianoj, kiuj en difinita loko dezirus pasigi libertempajn tagojn kun aliaj Esp-ianoj.

*Gvidfolioj.*

Deko da diversurbaj gvidfolioj estas nun en preparado. Ni tre petas, ke oni nepre rapidigu la alsendon de la manuskriptoj, kiel eble plej konformajn al la sendita modelo de Bordeaux. Estas necesege, ke por la Barcelona kongreso estu eldonita kiel eble plej granda nombro de ili.

### Fako VIIª : JUNULOJ

*Universitataj gvidfolioj.*

Ni altiras la atenton de niaj Konsuloj por Junuloj, loĝantaj en universitataj urboj, pri la utileco, kiun por la studentoj, membroj de U. E. A., prezentas la eldonado de *gvidfolioj*, priskribantaj la kondiĉoj de studado en la universitato de ilia loko. Tiuj gvidfolioj estos eldonataj tute laŭ la samaj kondiĉoj kiel la turismaj gvidfolioj (4 ₷ por milo, el kiu la duono restos la proprajo de la paginto). La gvidfolio estos publikigata de U. E. A. kaj ĝia kosto pagata, ĉu prefere de la studenta Esp. loka grupo, ĉu de la Esp. grupo, ĉu de la loka Komitato por diskonigo de la universitato. Specimeno de tia gvidfolio estos baldaŭ sendata al ĉiuj Konsuloj por Junuloj.

*Vojaĝa premio.*

Malavara donacinto metis al la dispono de U. E. A. la sumon da 80 ₷ por la junulo, el Burgonia regiono, kiu estos plej bone sukcesinta sian Esperanto-ekzamenon. Tiu premio estos difinita por vojaĝo fremdlande. La sumo estis transdonita al la Burgonia Esp. Federacio por donaco al la sukcesinta junulo kaj U. E. A. per la helpo de siaj Del. klopodos, ke dum ĉia vojaĝo li plej bone povu uzi la servojn de nia Asocio. Ni baldaŭ konigos detalajn informojn pri tiu premio, kiu espereble naskos multajn imitantojn.

*Novaj Subdelegitoj.*

ARANJRANTO (Hungar). — S-ro J. Daniel.

ARLES (Franc.). — S-ro L. Laget, 4, rue Gambetta.

BOITSFORTS (Belgujo). — S-ro Leo Minon.

BORBECK (German.). — S-ro W. Huttmann, (Denkstr. 12).

BRISTOL (Anglujo). — S-ro C. A. L. Dirac, (15. Monk Rd Bishopston).

CLEGUER (Franc. Morbihan). — S-ro José Mariette.

DAYTON (Hungar). — S-ro Georgo Konig.

DES (Hungar). — S-ro Jozefo Biro.

FAIRMONNT (NJ). Usono). — S-ro Stephen Hurley.

GENOVA (Italujo). — S-ro A. Stromboli (Via Assaretti 54-15).

KARLSRUHE (German.). — S-ro A. Barthel (Douglasstir, 24).

KOLOSZVAR (Hungar). — S-ro Stefano Tamasi.

NYITRA (Hungar). — S.ro J. Luczenbacher.

ODENSE (Danujo). — F-ino A. Haller (St-Glasvej 11-11).

OERLIKON (Svis-Zürich). — S-ro H. Kegi (Brunnenstr).

POSZONY (Hungar). — S-ro S. Nagy (Allami Korkaz).

SELMECZBANYA (Hungar). — S-rô Kolomano Korvath.

SEMUR (Fran.). — S-ro M. Testard.

SAINT-EDWARDS (Usono, Nevada). — S-ro Chas. P. Lang.

TARARE (Franc. Rhône). — S-ro E. Pascal, 24, rue Serroux.

TEMESVAR (Hungar). — S-ro St-Schulz (Angakonywerato).

TENYVESVOLGY (Hungar). — S-rô Toltano Engel.

TREMSEN (Hungar). — S-ro Arpad Motko.

VACZ (Hungar). — S-ro Elniero Bazar (Florian uteca).

WALTHAMSTON (Anglujo). — S-ro J. Gourlays (c/o Woollett, 20-30 Line St. London).

Entute 602 lokoj kun 202 Del. kaj 417 Subdel. (korektitaj ciferoj).

*Ŝanĝoj* : La Subdel. de *Boryslav*, nia sindona samideano Langer, mortis ; oni do provizore forstreku tiun lokon. — La Del. de *Burnley* estas nun S-ro Harol Hardaker (27 St. Mattheev'o St.). — La Subdel de *Palma de Marjorque* estos nun S-ro G. Alonsar y Ferragut.

## TRA LA GAZETARO

**Lingvo Internacia** : Unu fojon por ĉiam. Th. Cart.

*Unu fojon por ĉiam*, en Boulogne, la Esperantistaro — tiel regule reprezentita kiel estis tiam, estus nun aŭ estos iam eble — deklaris, laŭ propono de la elpensinto de la lingvo kaj tiama sola autoritato en tia afero, ke la komuna Fundamento de la lingvo restos netuŝebla, ĝis kiam Esperanto estos oficiale akceptita de la registaroj.

Por konservi la lingvon laŭ tiu komune akceptita Fundamento la kongreso elektis Lingvan Komitaton.

Tiu ĉi lasta, siavice, elektis Akademion, kies programo povis esti nur la konservado de la lingvo laŭ sama komuna Fundamento.

Ĉio tio ĉi estas absolute klara, absolute regula.

Deklari ree *unu fojon por ĉiam* tion, kion ni jam *unu fojon por ĉiam* deklaris, estus detrui ne nur la valoron de la unua promeso, sed ankaŭ de la nuna : ĉiutrijare, aŭ post ĉiu nova Reform-Ido, ni devus ripeti nian : *unu fojon por ĉiam !*

Ne kiel senprudentaj infanoj la kongresanoj parolis en Boulogne. Ilia tiama diro sufiĉis kaj sufiĉas al ĉiuj praktikaj kaj sinceraj Esperantistoj.

Al la aliaj, nenio sufiĉos.

Ili iru *sian* vojon kaj lasu nin iri la *nian !*

La sama gazeto eldonis interesplenan « Almanako » pri kiu ni parolos en nia proksima nº.

∴

**Espero katolika** : Por antaŭen iri, Cl. Colas.

Sed por ke la Vero alvenu al la homaj intelektoj, kaj eniru en la homan koron, ĝi bezonas veturilon : tiu bezonata veturilo estas : la lingvo.

No povas ekzisti, — ŝajnas al mi — veturilo pli inda de tiu sankta Vero, ol lingvo, kiu apartenas ne al iu nacio, ne al iu gento, sed al la tuta homaro ? Konsekvence, tial, ke ni celadas la Veron, ĉu ni ne estas pravaj, konigante kaj uzante la ilon plej universalan, kaj sekve plej efikan por altiri al la Vero kaj unuigi en Ĝi ĉiujn homojn ?

Mi volus, ke ĉiuj legantoj de « Espero Katolika » bone komprenu, ke nia penado ne estas simpla fantazia kaprico, sed vera, utila, necesa laboro.

Ni ne estas el tiuj, kiuj konsideras la lingvon internacian kiel « ĝentilan okupaĵeton », au « junuinan amuzaĵon », — sed ni ĝin konsideras kiel gravegan faktoron de sociala progreso

Ni ankau apartiĝas de tiuj, kiuj kredas je mi nescias kia magia povo de Esperanto, kaj pensas, ke, Esperanto regnante sur Tero, ne plu estos en Mondo malamo aŭ doloro.

Esperanto mem ne detruos Malbonon ; sed, per ĝi interkompreniĝos kaj unuiĝos ĉiuj, kiuj celas Veron, Juston kaj Amon.

La Vero per Esperanto ; iri al la Vero kun nia tuta animo, unuigi en ĝi per Amo ĉiujn homojn : Jen nia Idealo, jen la bela kaj granda celo, kiun ni volas trafi, jen la sulko, kiun ni, katolikaj Esperantistoj, volas fosadi.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### Necesa Klarigo

Multaj personoj, asocioj, societoj, grupoj, k. a., informis nin, ke ili estas pretaj aliĝi ope al U. E. A., sed kondiĉe ke la kotizaĵo estu malpligrandigita ĝis 10, 8 aŭ eĉ 4 Sd ! Memvideble tiuj personoj absolute eraras pri la celo de U. E. A. kaj pri la signifo de aliĝo al U. E. A. Aliĝo al U. E. A. tute ne estas nura *aprobo* pri ĝia celo. Kiel ajn ŝatindaj estas aproboj pri nia agado, U. E. A. ne speciale petas, ke oni ĝin aprobu, sed ke oni partoprenu ĝian agadon, ke oni uzu ĝiajn servojn. Por starigi tiujn servojn, por plenumi seriozan kaj daŭran laboron, U. E. A. bezonas *monrimedojn*, kiel ĉiuj organizaĵoj, kiuj havas praktikan celon. Sekve, la kotizaĵo de ĉiu membro devas estis iom alta. La Franca Turing-Klubo, ekzemple kiu nur pri turismo havigas similajn servojn al tiuj de U. E. A., postulas 2 ₷ jare,.. kaj enhavas pli ol 100,000 membrojn. La komercistaj, industriistaj, turistaj societoj en ĉiuj landoj postulas almenaŭ 2 ₷ kaj trudas la ricevon de la oficiala gazeto de sia societo. U. E. A. postulas nur 36 Sd. kaj ne trudas al siaj membroj la ricevon de « ESPERANTO » ; se ĝi volas organizi efektivajn kaj ŝatindajn servojn al siaj membroj, oni facile komprenos, ke tiu kotizaĵo estas minimumo. Aliparte, oni komprenu, ke pro sia internacieco kaj neŭtraleco rilate al nacieco kiel rilate al politiko, religio, k. t. p. U. E. A. absolute ne povas fari esceptan aranĝon, kontrakton, k. t. p. kun tia aŭ alia societo rilate al la kotizaĵo kaj al neniu povas doni privilegiojn, kiuj estus tute kontraŭaj al la regularo kaj estus grava tuŝo de la fundamentaj principoj de nia Asocio. Ni opinias, ke la kotizaĵo de U. E. A. estas sufiĉe nealta kaj la servoj, kiujn ni proponas, sufiĉe gravaj, por ke neniu, kiu serioze intencas partopreni en ĝi, sin detenu pro tia kaŭzo.

U. E. A.

### Al ĉiuj niaj korespondantoj

Kiel jam estis dirite, por plifaciligi la taskon de ĝiaj korespondantoj, ĉiuj leteroj, mendoj, petoj, k. a. pri U. E. A. povas esti alsendataj laŭ la unika adreso : ESPERANTO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève*. Kvankam ĉi tiu adreso rilatas al ĉiuj fakoj, ni tre petas ĉiujn niajn korespondantojn ke, por helpi nian laboron, ili bonvolu zorge apartigi laŭ la fakoj kiujn ili koncernas, la demandojn pritraktitajn en siaj korespondaĵoj ; ili speciale evitu miksi tion, kio koncernas U. E. A. kaj ESPERANTO, kiu ja estas ĝia oficiala organo, sed estas tute memstare administrata. Precipe el financa vidpunkto tia miksado de la kalkuloj de U. E. A. kaj de ĝia organo kaŭzas al ni pezan laboron tiom pli neutilan, ke niaj korespondantoj facile povas ĝin evitigi.

Ĝis la 1ª de aprilo la plej granda parto de la laboro por U. E. A. estis plenumata de la subskribinto, kiu krom tio devis zorgi sola pri la redaktado kaj administrado de ESPERANTO. El ĉi tio rezultis, ke malgraŭ lia atento kaj deziro kontentigi ĉiujn petojn... ne ĉiam klarajn, enŝoviĝis neeviteblaj eraroj kaj forgesoj, cetere ne multaj, pri kiuj oni bonvolu lin indulgi pro la supre dirita cirkonstanco. De nun, dank'al sindonaj helpantoj kaj al oficistoj, li povas certigi, ke ĉiuj mendoj, petoj, k.a. estos akurate respondataj kaj plenumataj. Je tiu okazo, ni rememorigu kelkajn detaletojn, kiuj el administra vidpunkto, havas ian gravecon : 1ª/ Nur por Delegitoj kaj Subdelegitoj de U. E. A. estas malfermata speciala kalkulo, kies kredito estas ĉiutrimonate pagota laŭ nia fakturo. Ĉiuj aliaj mendantoj nepre devas kunsendi monon kun la mendo aŭ mendi objekton per la Del. aŭ Subdel. de sia regiono. La *Esp-Oficejoj* estas asimilataj al privataj mendantoj ; por kondiĉaj mendoj kaj ĉiuj Esperantaĵoj ili sin turnu al la oficiala tenejo de U. E. A. (Esperanto-Librejo, 15, rue Montmartre, Paris) ; 2ª/ Oni skribu plej legeble kaj klare, kaj ne forgesu citi la adreson ĉiufoje ; 3ª/ Oni apartigu tion, kio koncernas U. E. A. kaj ESPERANTO ; 3ª/ Oni plej malofte pagu per poŝtmarkoj, sed uzu prefere ĉekojn aŭ poŝtmandatojn ; la pereco de la *Ĉekbanko Esperantista* (Esperantia entrepreno) estas ankaŭ tre rekomendata ; 5ª/ Kiam ni ne sendas samtempe ĉiujn objektojn menditajn, tio signifas, ke la nesenditaj mendaĵoj estas elĉerpitaj kaj la mendoj estos plenumataj tuj post represiĝo aŭ refabrikiĝo (kiel nun okazas kun la insignoj) ; en tiu okazo denova mendado estas tute senutila kaj povas nur krei konfuzojn ; 6ª/ Oni bonvolu ĉiam nin avizi pri ĉiuj ŝanĝoj en la adresoj de la Del., Subdel., Vicdel., Konsuloj, k. a., kies ĉiuj nomoj kaj adresoj estas notitaj sur specialaj slipoj ; 7ª/ La manuskriptoj por la jurnalo estu skribataj sur apartaj folioj kaj oni lasu larĝan blankan spacon por eventualaj korektoj.

Se ĉiuj niaj korespondantoj konformiĝas al tiuj niaj petoj, la tasko de niaj kunlaborantoj estos ŝatinde plifaciligita, je kio certe neniu plendos.

La Komitatano de Administra fako.

### Fruktigado de patentoj nova kampo por agado de U. E. A.

Apenaŭ elpensintoj ricevis el alia lando la informon de la Patent-oficejo, ke ili gajnis la deziritan patenton, ili ricevas multe da leteroj, ofte skribitajn en lingvo nekonata, per kiuj agentoj rekomendas siajn servojn por fruktigado de la patento. Ĝenerale la elpensinto estas en granda embaraso, ĉar se li estas singardema, li ne scias, ĉu la skribinto estas fripono aŭ persono de karaktero kaj sperto. Al kiu sin turni ? Nun, tie-ĉi estas vasta kampo por U. E. A. kaj ĝiaj delegitoj, komercaj konsuloj k. t. p., kiuj povas helpi unuflanke al progreso de civilizacio, aliflanke al U. E. A., al si mem kaj al Esperanto. Ili nur devas serĉi firmojn, kiuj havas intereson por la elpenso kaj volas aĉeti la patenton. Tiam ili ricevas procentaĵon. Tio kion ni skribas, ne estas nur teoria afero. Fabrikanto bromberga promesis, doni procentaĵon por fruktigado de la amerika patento Nr 912868 de 16 februaro 1909 kaj franca patento Nr 396,970. La elpenso estas tia, ke ĝi povus estis uzata en ĉiu moderna domo, ne nur privata, sed ankaŭ en hoteloj, restoracioj, k. t. p. Ĝi celas malvarmigi viandon, buteron, k. t. p. sen glacio, kaj malmultekoste. Mi nun petas delegitojn kaj aliajn samideanojn, kiuj volas helpi por malfermi tiun kampon de agado, skribi al mi pri tio. Mi tiam sendos la tekston de la patento en nacia lingvo. La italaj, belgaj, svisaj, k. t. p. patentoj estas en preparo.

D-ro M. KANDT (Bromberg).

## Esperantiaj Informoj

**La Rochelle.** — La 21/25. de Aŭgusto okazos en La Rochelle-Pallice grandaj festoj sub la nomo « *Granda Mara Semajno* ». Ĉiujare, la « Franca Mara Ligo » organizas tian *Grandan Semajnon* en aŭ apud franca haveno speciale elektita ; ĝi estas okazo por ĉiuspecaj ŝipkuradoj kaj festoj sur la maro. La rodo antaŭ La Pallice estas tre taŭga loko por tia elmontrado, kiu certe kunvenigos multajn vizitantojn.

**Le Havre.** — « Esperanto », la 20an de Aprilo, anoncis kunvenon de laikaj asocioj de francaj geinstruistoj en Le Havre de la 15ª ĝis la 19ª de Julio. Anstataŭ *geinstruistoj* bonvolu legi *unuagradaj eks-lernantoj*.

**Belgrado** (Serb.). — Malgraŭ la manko de ĉia lernilo en serba lingvo, jam ekzistas Esp. movado en tiu urbo. La IIan de aprilo, S-ro Krestanoff, Subdel. de U. E. A. en Sofia, kun S-ro Evstifeieff, Esp-iano, faris gravan paroladon pri Esperanto kaj U. E. A., kiu ricevis grandan sukceson. Baldaŭ estos tie Subdel. de nia Asocio kaj aliaj servoj.

**Beaune** (Franc.). — Ĉe la Kongreso de la Burgonia Esp. Federacio, okazinta la 2an de majo, S-ro Rousseau, komitatano de U. E. A., paroladis pri nia Asocio kaj speciale pri la rilatoj, kiujn ĝi devas havi kun la regionaj propag. societoj. Li anoncis, ke malavara anonimulo donacis al U. E. A. la sumon da 80 ₷ donotan al la Burgonia junulo, kiu estos plej bone plenuminta siajn Esp.-ekzamenojn por senpaga vojaĝo tra fremdujo, uzante la servojn de niaj Del. Tiu sumo estis transdonita de U. E. A. al la Burgonia Esp. Federacio, kiu aljuĝos la premion ; siaflanke nia Asocio zorgos pri la vojaĝo de la sukcesinta junulo tra Esperantujo. Tiu premio estos tre verŝajne renovigota ĉiujare. Ni esperas, ke tiu tiel praktika kiel interesa iniciato trovos ĉie imitantojn.

**Buenos-Ayres** (Argentino). — Dank'al nia fervora Subdel. S-ro Munos, Esp. kaj U. E. A. ankaŭ ekdisvastiĝas en tiu grava ĉefurbo. Fondiĝis klubo, kies ĉiuj membroj estos samtempe Esp-ianoj kaj abonantoj de « Esperanto ».

**Censtochowa** (Polujo). — Dum aŭgusto okazos ĉi-tie Kongreso de Polaj Esp-istoj, okaze de kiu estos aranĝata ekspozicio, ĉe kiu partoprenos U. E. A.

**Düsseldorf** (German.). — Ankaŭ ĉi tie oni nun komprenante la gravecon de U. E. A. tre interesiĝas por nia asocio. Jam diversfoje la Del. ricevis de komercistoj Esp. skribitajn leterojn kun la peto, ilin traduki. Gravaj eksportfirmoj uzis niajn servojn, petinte informojn por U. E. A. Grava urba unuiĝo, al kiu apartenas la plej influaj Düsseldorf'anoj, eldonis gvidlibron pri nia urbo kaj petas pri tio ĉiujn Esp-istojn, ĝin tuj postuli, aldonante 1 intern. respondkuponon ĉe la « Verkehrsverein » (91 Grafaldolphstr. 91, Düsseldorf). La Del. petas, helpi al li tiamaniere pruvi al la nomita unuiĝo la disvastigecon de Esperanto.

**Karlsruhe** (German.). — S-ro A. Barthel, antaŭe Del. por Pirna, estas nun Del. por Karlsrube kaj komencis diligente klopodi por Esp. kaj U. E. A. Li starigis Esp-Oficejon, Erbprinzenstr. 33 pt.

**Praha** (Bohem.). — Granda manifestacio de bohema Esp-istaro, 1ª Kongreso de Bohemaj Esperantistoj, aranĝata de centra asocio « Bohema Unio Esperantista » okazos la 27, 28, 29 de septembro 1909 en Praha. La Kongresa komitato okupas sin fervore pri la preparaj laboroj. Fremdaj Esp-istoj, kiuj vizitos la kongreson en Barcelono, ne forgesu, veturante hejmen, viziti nian kongreson. Ĉiuj estos kore akceptataj. La kongresa programo estas tre riĉa. Ĉio koncernanta la kongreson estu adresota : Praha 1-342, Esperanto-Kafejo Union.

**Sofia** (Bulgar.). — Esperanto kaj U. E. A. ekdisvastiĝas. Nova kurso estos malfermata per parolado de nia Del., S-ro Krestanof, pri la servoj de U. E. A. Esp-Oficejo estis malfermita en la riĉa librovendejo F. Ĉipeff.

**Tours** (Franc.). — La 10 majo malfermiĝas en Tours granda foiro por terkulturaj maŝinoj. Ĉiujare okazas tiaj foiroj dum la monatoj majo kaj aŭgusto. En ili partoprenas kutime gravaj firmoj el Usono kaj Francujo, precipe el Milwaukee, Chicago, Lille, Vierzon, k. t. p.

Ankaŭ en Tours kunvenos la 30-31 de majo la 1ª kongreso de la « Esp. Federacio de Centrokcidenta Franclando. Ĉi tien venos samideanoj el 14 grupoj. La programo enhavas, krom la laboraj kunsidoj, koncerton, balon, festenojn, ekskursojn en la ĉirkaŭaĵo kaj viziton al la fama historia kastelo de Langeais. Ĝi estos granda Esp. manifestacio en tiu regiono.

## Internacia Ekspozicio de Bologna

La juĝantaro de la Internacia Ekspozicio de arto, laboro, higieno kaj nutrado, en *Bologna*, kiu uzis la servojn de U. E. A., aljuĝis en la Esperanto-fako, la jenajn premiojn :

**Granda premio kajora medalo : Universala Esperanto-Asocio.**

*Granda Targo* : Librejo Hachette & Kio, Paris. — *Granda kruco* : Esperanto-Verlag, Berlin (Esp-ia entrepreno). — *Ora medalo* : J. Meazzini, Subdel. U. E. A. — *Arĝenta medalo* : P. Lusana, Biella ; Adr. R. Bagnulo, Del. U. E. A., Napolo ; S-ino R. Junck ; S-ro J. Castiglia, Palermo ; S-ro Thalwitz, Dresden (jarlibro de T. E. K. A.) ; S-ro B. Gladich, Varsovio ; F-ino A. Ŝarapov, Subdel. U. E. A., Kostroma.

*Bronza medalo* : Pastro Menchebti, Laterina. — *Kuraĝiga diplomo* : S-ro Baff. Subdel. U. E. A.

Ĉiuj tiuj entreprenoj elmontris Esperantaĵojn aŭ Esperantajn laborojn.

En la aliaj kategorioj de la ekspozicio, estis premiitaj inter la elmetintoj per Esperanto :

1ª kategorio. — Glora kruco kaj ora medalo al pentristo Baynes Gualtiero el Finenzo ; ora medalo al firmo Colongo-Garlanda, el Biella ; ora medalo al S-ro J. Tellini, el Bologna. — 7ª. kategorio : ora medalo al Societo « La Famille » el St-Maur ; granda premio kaj ora medalo al S-ro A. Slizinski, el Lisko (Galicio) ; glora kruco al S-ro Sokoloff, el kostroma (Rusujo).

Tiuj informoj ne bezonas specialan komentarion por atentigi pri la grava sukceso, kiun atingis Esperanto kaj U. E. A. Niaj amikoj ilin citu kaj diskonigu ĉien !

## ŜAK-ANGULO

(Sub redakcio de Andr. NISSEN, Lille, Marstrandsveg 2 — Kopenhag).

### Problemo Nro 1

de J. JESPERSEN, Svendburh, Danujo

(Originala)

NIGRO

| | a | b | c | d | e | f | g | h | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 8 | | | | | | | | | 8 |
| 7 | | | | | | O | | | 7 |
| 6 | | | D | | | | | | 6 |
| 5 | | Ĉ | O | | R | O | | | 5 |
| 4 | | | | | | | | | 4 |
| 3 | | O | | Ĉ | | | Ĉ | O | 3 |
| 2 | | | | | Ĉ | O | | K | 2 |
| 1 | | | | | | R | | | 1 |
| | a | b | c | d | e | f | g | h | |

BLANKO

Blanka komencas kaj mortigas per la dui iro.

Blankaj.
Nigraj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| O | soldato ; | germane | Bauers. |
| R | reĝo ; | — | Konig. |
| D | reĝino ; | — | Dame. |
| Ĉ | ĉevalo ; | — | Springer. |
| K | kuristo ; | — | Laufer. |

### LUDO Nro 1

Ludo el batalo inter ŝaksocieto de la studentoj kaj la ŝakklubo de industria societo en Kopenhago, Danujo. Marto 1909.

*Siciliana Ĩndkomenco*

| | BLANKO S-ro HOGER | NIGRO S-ro NISSEN |
|---|---|---|
| 1 | l 2 — e 4 | c 7 — c 5 |
| 2 | Kf 1 — c 4 Tiu-ĉi iro estas ne bona. | |
| 2 | —— | Ĉb 8 — c 6 |
| 3 | Ĉg 1 — f 3 | g 7 — g 6 |
| 4 | d 2 — d 3 | Kf 8 — g 7 |
| 5 | c 2 — c 3 | d 7 — d 6 |
| 6 | h 2 — h 3 Por eviti Kc 8 — g 4 | |
| 6 | —— | Ĉg 8 — f 6 |
| 7 | Ĉf 3 — g 5 ? | o — o |
| 8 | o — o | h 7 — h 6 |
| 9 | Ĉg 5 — f 3 | e 7 — e 6 |
| 10 | Ĉb 1 — a 3 ? | d 6 — d 5 |
| 11 | e 4 × d 5 | e 6 × d 5 |
| 12 | Kc 4 — b 3 | Kc 8 — e 6 |
| 13 | Kc 1 — e 3 | d 5 — d 4 |
| 14 | c 3 × d 4 | c 5 × d 4 |
| 15 | Ke 3 — d 2 | Ĉf 6 — d 5 |
| 16 | Dd 1 — c 1 | Ta 8 — c 8 ! |
| 17 | Kd 2 × h 6 ?? | Ĉc 6 — e 5 ! |
| 18 | Dc 1 — d 2 | Ĉe 5 × f 3 + |
| 19 | g 2 × f 3 | Ke 6 × h 3 |
| 20 | Kh 6 × g 7 | Rg 8 × g 7 |
| 21 | Tf 1 — e 1 | Ĉd 5 — e 3 ! Nun estas bonaj konsiloj karaj Blanko estas tute ruinigita. |
| 22 | f 2 × e 3 | Dd 8 — g 5 + |
| 23 | Rg 1 — h 1 | Tf 8 — h 8 |
| 24 | Te 1 — e 2 | Kh 3 — g 2 + |
| 25 | Rh 1 — g 1 | Th 8 — h 1 + |
| 26 | Rg 1 — f 2 | Dg 5 — h 4 + |
| 27 | Rf 2 × g 2 | Dh 4 — h 2 + |

**Poŝtkesto**

La redaktoro de tiu-ĉi rubriko, Andr. Nissen, Lille Mastrandsvej 2, Kopenhago, Danujo, ricevos kun kora danko solvojn de la problemoj, originalajn problemojn, interesajn ludojn kaj ĉiun korespondon pri ŝako.

## Grava Avizo

**Ni informas ĉiujn personojn, kies abono finiĝis kaj kiuj ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke ni enkasigos la abonmonon per la poŝto, aldonante la poŝtelspezojn. Ni kore petas, ke oni bonvolu favore akcepti la diritajn poŝtrepagojn kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon.**

**ESPERANTO.**

# Esperanto-Movado

Nun estas sezono de Esp. naciaj kongresoj kaj jarkunvenoj en multaj gravaj centroj de nia movado.

⁂ La 16-17 aprilo okazis en *Parizo* la ĝenerala kunveno de Franca Societo por propagando de Esp. (S. F. p. E.), en kiu partoprenis nur la Delegitoj, rajtigitaj por tio de diversaj francaj societoj. Oni pridiskutis ĉefe la ŝanĝojn en la statutoj de S. F. p. E. La rolo kaj agado de la regionaj Federacioj kaj lokaj grupoj estos tute memstara kaj sendependa; ili pagos nur malgrandan kotizajon ĉiujaran al la Centra Komitato de S. F. p. E. Prezidis S-ro Th. Cart. La kunsidoj okazis en la grandaj salonoj de Urbodomo Panthéon.

La sekvantan tagon, 18 aprilo estis granda festo de Federacio de la Pariza Regiono, komencita per tre sukcesa vesperfesto, aranĝita de Montmartra Grupo la 17. aprilo. Oni ludis teatraĵojn en Franca kaj esp. lingvo, ne mankis ankaŭ talentaj muzikaĵoj kaj kantadoj; multe gajigis la publikon la spritaj kumoraĵoj pri la reformoj en la sceno « Malade imaginaire » kaj la « Revue » de S-ro F. de Menil. La ĝenerala kunveno okazis je 9 h. mat. en la Sorbono. Prezidis generalo Priou prezidanto de la Ruĝa Kruco Esp. La kunveno celis pridiskuti la ŝanĝojn en la regularo kaj elekti la estraron por la proksima jaro. S-ro C. Bourlet estis reelektita kiel prezidanto, S-ro Aizière-vicpér., S-ro V. Chaussegros-sekretario; S-ro Viardsekr-adjunkto.

Je la 3ª h. en la Sorbono okazis solena kunsido kaj disdonado de premioj. Sur la estrado, kiel prezidanto, sidas la eminenta. P-ro Bouchard, membro de la « Franca Akademio de Sciencoj » kaj de « Medicina Akademio », kiu estas ankaŭ prezidanto de la « Franca Kuracista Grupo Esp. », g-lo Sebert, prof. Cart, prof. Bourlet kaj G-lo Priou; ankaŭ Rektoro Boirac, ĉefinĝeniero marista Rollet de l'Isle, de Coppet; S-roj Aymonier kaj Bricard. Boitel, direktoro de la « Unuagrada Supera Lernejo Turgot; D-ro Gavarry, Borson, F. de Menil kaj Abato Richardson. Tiuj ĉi eminentuloj, kies oficialaj altrangaj titolojn ni ne povas citi tie ĉi pro manko da loko (multaj nomoj inter ili estas sufiĉe konataj en la mondo esp. kaj neesp.), tre elokvente atestas pri la progresoj de Esperanto kaj ĝia situacio en la alta scienca kaj oficiala mondo. Je l'komenco ludas la orkestro de la 5ª Infanteria Regimento, poste S-ro C. Bourlet raportas pri la agado de la Pariza Grupo en 1908 jaro. Esperanto enradikiĝis en la Pariza Regiono kaj ĉiutage disvastiĝas, enhavante nun pli ol 2000 fidelajn Esp-istojn; dank'al agemeco de instruada sekcio ekzistas nun pli ol 80 kursoj. Post kelkaj vortoj de Abato Richardson je la nomo de la Belga Ligo, parolas P-ro Bouchard, atestante sian plenan fervoron al Esp. kaj admonas, ke nia lingvo devas resti netuŝebla, aldonante: « Konservu la Zamenhofan Esperanton kun ĝia tuta pureco! » Longaj kaj entuziasmaj aplaŭdoj sekvas tiun paroladon. S-ro de Coppet legas la nomaron de premiitoj okaze de la konkursoj ĉiujare organizitaj de la Grupo Pariza. Ses gesamideanoj ricevas la premiojn de la super-konkurso, kaj ses de la elementa konkurso.

Samepoke okazis en Parizo la kongreso de la demokrata movado nomata Sillon (Sulko) kaj post la kunsido preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj ekskursis en la sidejon de la Sillon'a kongreso kie oni akceptas ilin entuziasme. Alterne sekvas varmegaj paroladoj kaj tostoj de S-oj Marc Sangnier, iniciatinto de la Sillon'a movado, F. de Menil, Th. Cart kaj Archdeacon. Post kaj laste estis granda festeno en Hôtel Moderne kiun ĉeestis cent membroj de la federacia kongreso; denove toastoj, gajaj kaj spritaj paroladoj, dankesprimoj al ĉiuj geartistoj kaj aranĝintoj de tiu bela, amuza kaj impresiga festo.

⁂ La 24 kaj 25 de aprilo okazis en Saloturno la printempa kunveno de Svisaj Esperantistoj. La urbestraro afable prezentis por la Esp-toj siajn belajn salonojn en Saalbaŭ kaj Rathaŭs. En la unua salono paroladis publike S-ro Schmid el Bern, S-ro Privat parolis pri la bela somerurbo Chautauqua (apud New-York), kien la Amerikanoj kutime en granda amaso venas por somera restado por ĝuadi sanigan naturon kaj samtempe sekvi diversajn kursojn. tiel bone kaj malkare gvidatajn de plej eminenta en sia fako personaro. Inter aliaj tie oni tre ŝatas kaj studas nian lingvon. La parolado estis bele ilustrita per lumbildoj. Niaj amikoj el Le Locle ludis teatraĵon kaj muzikaĵojn Morgaŭan tagon en Rathaŭs sub la prezido de la sindonema prezidanto S-ro de Saussure estis la ĝenerala kunveno, kie la ĉeestantoj havis la plezuron aŭskulti la raportojn de S-ro Privat pri « Int. Instituto de Esp. » kaj de S-ro Hodler pri U. E. A. Post la raportoj de gvidantoj de kvar specialaj fakoj de Centra Komitato, okazis komuna tagmanĝo kun pli ol cent personoj, kvankam en Saloturno mem tute ne estis ĝis nun Esp.-toj.

Ni povas kun granda plezuro konstati, ke dum tiuj-ĉi du tagoj oni ĉiuflanke aŭdis nur nian lingvon, kiun ĉiuj samideanoj parolis tre flue. Estis ankaŭ aranĝita sufiĉe riĉa ekspozicio de la jus fondita Svisa Biblioteko.

⁂ Ni diru ankaŭ kelkajn vortojn pri la jarkunveno de Burgonja Federacio en Beaune la 2. Majo. Prezidis Rektoro Boirac. Ĉeestis pli ol 200 samideanoj, inter kiuj senatano Cornet, la vicurbestro kaj aliaj. En la agada kunsido, S-ro Bord estis elektita kiel prezidanto de la Federacio, S-ro Boirac, kiel honora prezidanto. Poste ĉiuj partoprenis la komunan tagmanĝon. Multaj paroladoj kaj tostoj komprenеble ne mankis. S-ro Rousseau anoncis, ke anonima amiko proponis 200 fr. por tiu juna esperantisto kiu plej sukcese faros sian esp. ekzamenon kaj uzos tiun sumon por vojaĝoj dum libertempo. Tiu premio instigos sendube multajn junulojn perfektiĝi en Esp. kaj iliaj vojaĝoj havos propagandan sukceson. La ĉeestantoj decidis imiti tiun bonan ekzemplon kaj difinis tian ĉiujaran premion.

⁂ La Federacio de l' Grupoj de la Norda Regiono okazos la 25. Julio en *Condé*. Niaj anglaj samideanoj jam de longe klopodas por plej bone aranĝi la « Duan Britan Kongreson », kiu okazos en *Leeds* la 29-31 Majo sub la aŭspicioj de la Jorkshire Esp. Federacio. Ne malpli fervore kaj energie preparas sian « Ĝeneralan Nacian Esp. Kongreson » en *Gotha* la 21-23 Majo sub la alta protekto de Lia Moŝto la Duko Karl Eduard von Sachsen-Coburg kaj Gotha. Dum la proksima septembro okazos ankaŭ naciaj Esp.-kongresoj en Chautauqua (Usono), en Praha, en Fokŝani (Rumanujo) k. al.

⁂ Pri la *V Kongreso en Barcelono* ni povas informi ke Lia Moŝto la Hispana reĝo Alfonso XIII akceptis esti la Alta Protektanto de la Kongreso. Dum la kongreso famaj profesiaj aktoroj ludos la dramon « Mistero de Doloro » de konata kataluna aŭtoro S-ro A. Gual; la tradukon faris S-ro Pujula. Estas konsilinda aĉeti kaj antaŭe tralegi tiun ĉi verkon. Oni dancos dum la balo novan esperantistan ĉeflantan, facilan dancon, nomitan « La Rondo. » Ĉiu devas ĝin lerni antaŭe laŭ'la speciale eldonita broŝuro (30 cent.), kiu enhavas belajn desegnaĵojn, grafikaĵojn kaj partituron de la danco. Estas eldonita luksa kongreslibro senpage donacota nur al tiuj, kiuj pagos la kongresbileton antaŭ la unua Aŭgusto. Post tiu dato la libro kostos tri frankojn. En Barcelono la kongresanoj trovos verdstelajn aŭtomobilojn kaj kaleŝojn, kies gvidistoj parolos Esperante.

⁂ Kun ĝojo ni salutas la aperon de nova organo « *Ĥina-Esperanta Scienca literatura Revuo* » en Ĥina kaj Esperanta lingvo, kiun ni ŝuldas al S-so Hoa (42, rue de Montrouge, Gentilly (Seine, Paris).

Per tiu ĉi organo formale aliĝis al nia movado la plej granda imperio en Azio; ni tutkore deziras plenan sukceson al la grava iniciato de S-ro Hoa kaj esperas ke li baldaŭ trovas multajn helpantojn kaj adeptojn inter la centoj milionoj de Ĉiela Imperio.

⁂ Nia fervora samideano la Direktoro de la « Montesquieu » lernejo (71, rue de Bouvines, Lille, Francujo) S-ro F. Durieux daŭras energie la propagandon inter la instruistoj kaj lernantaj. En multajn superajn kaj elementajn lernejojn penetras, iom post iom nia lingvo en diversaj landoj kaj la oficiala mondo fariĝas pli kaj pli favora por tio. En kelkaj lernejoj de Londono kaj Parizo la lerneja junularo grupiĝas kaj fervore propagandas Esp. inter la kamaradoj. En multaj landoj la studentoj fondis kaj fondas Esp. societojn. En Lausanne (Svisujo) kreiĝis *Universala Unuiĝo de studentoj ĉiunaciaj*. Ĝia oficiala lingvo por la anoj de malsamaj nacioj estas nia Zamenhofa Esperanto. Sin turni al S-ro Marcel Lévy, studento jur. (7, rue Porte-à-Meuse, Saint-Mihiel, Francujo) por francoj kaj por alilandanoj al S-ro Eydelmanth (poste restante, Lausanne, Svis.). S-ro D.-H. Lambert ricevis interesan informon de la redaktoro de Japana gazeto *Chugwai Shonen* (en kaj eksterlanda knabo). S-ro S. Jamasati en Kioto, ke tie nun fondiĝis *Chugwai Shonen Esp. Club* por helpi la amikan kunigon inter en-kaj eksterlandaj knaboj. Jam estas 200 Japanaj knaboj dezirantaj havi eksterlandajn korespondantojn. Sin turni al S-ro S. Jamasati, prez. de tiu klubo, Kioto, Japanujo.

En *Belga Esperantisto* estas alvoko al ĉiuj farmaciistoj Esp-toj pri la organizado de *Internacia Esp. Farmacista Asocio* por favori ĉiujn interrilatojn inter la farmaciistoj kaj eldonado de speciala Esp. organo. Por sin inskribi (senpage) kaj por ĉiuj informoj sin turni al la sekretario de la I. E. F. A. S-ro Oscar Van Schoor, Vondelstraat, 20, Antrserpen, Belgujo.

D-ro J. Ostrovski.

# ANONCETOJ

## TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribigo* ₰ *0.30 (fr. 0,75). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj, kaj 50 o/o por 12 enpresoj.* — *Pl = poŝtkartoj ilustritaj; L = leteroj; PM = poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj) :* ₰ *0,10 (fr. 0,25). Rabato da 25 o/o por 6 enpresoj kaj 50 o/o por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo. al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝkuponoj.

### Korespondado

**S-ro Maréchal**, rue Basse-de-l'Obélisque, Chalon-sur-Saône (Francujo) deziras korespondadi (kun nefranc).

Slatiny pošto Miličeves apud Jičín (Brchemujo-Austrujo). — S-ino Olga Ptačnikova, edzino de inĝeniero, P. I. L.

Faps (Estlando-Rusland). — S-ro R. Wirster, Pikk, al. 11. P. I.

Praha-Vinohrady (Bohem-Aŭstrio). — Hugo F., Kolisko, Cermakova ul. 6. P. I.

Kral-Vinohrady apud Praha (Bohem-Aŭst.). — S-ro V. Queisner, Macha str. 22. P. I., P. M.

Nachod (Bohem.-Austr.). — S-ro J. Fykal, realná škola, P. I.

Polnisch-Ostraŭ (Ŝlesujo). — S-ino Marie Baroch, apoteka P. M. (neDeŝiritaj).

Upsala (Svedlando). — S-roj Henrik Sanelberg kaj Anders Mortberg (studentoj). Svartbaĉksgatan 14, P. I.

Krakov (Austr.-Galicio). — F-ino Aniele Ptaszkowna, Slawkonskart, N° 20, F-ino Daczko Anna, Fapolowastr. 8, ambaŭ P. I.

Fabor (Bohem.-Austr.). — S-ro Jan Vagner, studento, Husavonam, P. I., P. M.

Barcelona (Hisp.). — S-ro Juan Amades, Peu de la Cren, 10, Fola, P. I. (kun neeŭropanoj).

Marseille (Franc.). — S-ro E. Giusano, 60, rue Guadeloupe, dezir. koresp. k. a. gemuzikantoj.

Praha (Bohem.-Austr.). — S-ro Josef Dohnal, studento de kom. akademio, Stěpauska al, 22-II. P. I.

Moskvo (Rusl.). — S-ro G. Dmitrijevski, Bol. Janimanka, d. Bahruŝino, P. I.

Libachovice (Bohem.-Austr.). — S-ro Josef Pruŝ. P. I. (muziko, kubturajnilotoj), S-ino Mar Švarcova, P. I.

Praha-Ziznow, 867 (Boheme-Autriche). — S-ro E. Duchna, P. I.

Mistek (Autriche-Moravie). — S-ro Karel Prachazna, vedlec. k. pošty, P. I. (kun f-inoj). Richard Fried, P. I.

Semferopol (Rus.). — S-ro J.-G. Mamikonov, kantarnaja d. N° 14, P. I.

Saint-Petersbourg (Rus.). — S-ro Velmojin, Lahtinskaja, 32, loĝ. 7, P. I., L.

Praha II, 801 (Bohem.-Austr.). — S-ro Jarko Weinberger, muzika kompanisto, P. I.

M-Ostraŭ (Morav.-Austr.). — S-ro Adolf Seipel, Brauhaŭsg, 20, P. J.

### Petoj kaj Proponoj

**Poŝtmarkoj.** — Kontraŭ 100 alialandaj aŭ koloniaj poŝtmarkaj mi sendas 200 francajn p. m. Ĉiam respondas. O. Bouteilly à Servigny (L.-et-C.) France.

**Juna Bindist-submajstro.** — Serĉas oficon en Svisa urbo, kie li povos perfektiĝi sin en la profesio. Skribu al S-ro U. Zyssel, Ponto de Scherzligen, Fhun (Svisujo).

**Riprezentado.** — Esper. Konsulo en Bristol Anglujo, deziras riprezenti bonajn alilandajn firmojn por la riprezento en Granda Britujo de ĉiuspecaj produktaĵoj. Esp. konsulejo 21 Wert. Ihrubberz, Redland, Bristol Anglujo.

**Riprezentado.** — D-ro Metalurgisto, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon. D-ro Lambrosti, Genova, Corso Amedo 4-15 Italujo.

**Stereoskopoj vidajoj.** — S-ro Karolo Mezei, VI, Ferèz-Korut Budapest (Hungar.) sendas al ĉiuj 2 belajn koloritajn vidajkartojn, kiuj sendos al li unu stereoskopon vidajon (en koverto).

**Mortpuno.** — Rusujo, Iurjev-Dorpat, stud. Universitato Aleks. Portirjev deziras ricevi informojn pri kvanto de mortpunoj en ĉiuj landoj de l'mondo. Tre dankas antaŭe.

### Komercaj reklamoj

**Agentoj.** — « Société des Vieilles Eaux de vie de Béziers » deziras agentojn por la vendado, propagando, de ĝiaj malnovaj brandoj, certigitaj purvinaj. Sin turni al S-ro J. Fize, Béziers, Francujo.

**Ilust. Poŝtkartoj** de Ĝenevo, kun esp. presajo; & malsamaj bildoj. Prezo de ₰ 0,48 (fr. 1,20) afranke. Nur poŝtmand akceptataj. E. Bouvier, ruo Maraîchers, Plainp. Genève (Svisujo).

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Pe[...] en Lübeck (fondita 1876) Ekspedoj preci[...] Dan-, Norveg-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**La Ĉapelpingloj por sinjorinoj** esp[...]tistaj, kiuj tiom sukcesis dum la kvara e[...] aĉeteblaj ĉe S-ro E. Gabert, rue Claude-D[...]ron, 19, St-Etienne, Loire (Franc.). Pr[...] Franc: 0,60 ₰ (1,50 fr.); alilande: 0,6[...] (fr. 1,65) afrankite. Specialaj prezoj p[...] vendo pogrande. Oni pagu poŝtmandate.

**Riprezentado.** — S-ro Delorme, 154, St-Martin, Paris, farmaciisto-ĥemisto de[...] reprezenti seriozan firmon.

**Legendo de l'parohestro de Bulsano.** Fr[...] et Belgiando lekz. — 0,20 fr., 10 — 1,[...] Aliaj landoj nur per poŝtmandato, — Mend[...] S-ro J. Héripé, Taliete-Rocroi (Franc.).

**Kolosan sukceson** havas niaj esper. [...] kartoj 10 ekz ₰ 0,40, 100 ₰ 3,60. Sin tur[...] S-ro Voldemar Yankjeviĉ, S-D de U. E. [...] Ostrog, Volinsk. Gub Russie

**La Internacian Esperantistan P[...] kalendaron por 1909** ĉiu Esperan[...] devas posedi. Ricevebla afrankite kontra[...] respondkuponoj aŭ 30 Sd. sendotaj al « E[...]ranto-Oficejo de Amikejo », *Moresnet*. Mo[...] ankaŭ « *La Barketo* » belega kanto ko[...] piano, kiu kostas afrankite 65 Sd. Liveras ĉ[...] Esperantajojn

**Lernejo por Franca & Esperanta** ling[...] — En Morges, (Franclingva Svis.) apu[...] mondfama Geneva Lago; belega por s[...] kvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societ[...] la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale reko[...] data, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni [...] turnu al la adreso: Esperanto-domo, Mo[...] aŭ al Esp-Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morg[...]

**Esperanto-Hotelo.** — Ĉambroj tre ko[...] taj. malaltaj prezoj. S-ro A. Leclerc, 4[...] La Rochefoucauld, Paris (Apud stacidom[...] Lazare).

**Riprezentado.** — Londona Agento, [...] oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (n[...] kohol.). Bonaj referencoj. — « The R[...] Agency », 87, Finsbury Pavement, Lon[...] E. C.

**Belaj kravatoj verdsteluimitaj**, el a[...] por sinjoroj, kvin malsimilaj modeloj, 0,50 ĝis 0,80 ₰.

**Esperantaj rubandoj**, N° 70, el bl[...] atlaso kun verdaj steloj, por ŝarpoj, krava[...] kaj ĉapeloj de sam-inoj; la metro: 0,7[...]

**Esperantaj flagetoj**, bonegaj propaga[...] loj, dekdu: 1,2 ₰ — petu la generalan ka[...]gon.

Ĉe S-ro B. PEYRAUD, vic.-del. U. E. A. *41, rue de la Loire* **Saint-Etienne (Francujo)**

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, k[...] pardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Itali[...] skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via [...] Agnolo 48, Firenze (Italia). Li akceptas an[...] *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Riprezentado.** — Sinjoro inteligenta & [...]genta dez. riprezenti bonan alilandan firm[...] Adreso: « Verda Stelo », 92, Clarendon [...] C. on M., Manchester, Anglujo

**S-ro E. Becker**, Advokato-konsilanto, [...] Grétry, Parizo, Jez. konatiĝi kun esp. [...] en ĉiuj landoj por interŝanĝi procesajn afer[...] enkasigojn, procesojn, k. t. p.

*Administranto* : L. Royer. *Presejo* X. Devichi.

---

(*Daŭrigo*)

— Do mem ci mortigis, kaj esti pendigita ne volas. Ekdeziris senrekompence mortigi la homon. Malsaĝa, malsaĝa, tamen ruza.

— Mi ne volas, diris Janson.

— Nu, karulo, ne volu, ĝi estas cia afero, — indiferente diris la oficisto. — Ol paroli senseneaĵojn, ci prefere ordonus pri la havaĵo — ci ja ion posedas.

— Li nenion havas. Nur unu ĉemizo kaj kalsonaĉo; jen ankaŭ fela ĉapo — dando!

Tiel pasis la tempo ĝis ĵaŭdo. Kaj ĵaudon je la dekdua nokte eniris en la ĉelon de Janson multaj homoj, kaj iu sinjoro kun epoletoj diris: — Nu, prepariĝu! estas bezone veturi.

Janson, moviĝante kiel ĉiam malrapide kaj malviglе, vestis ĉion, kion li posedis, surmetis ankaŭ la malpurruĝan skarpon. Rigardante, kiel li sin vestis, la sinjoro kun epoletoj, fumante cigardon, diris al iu: — Kia varma vetero estas hodiaŭ. Vera printempo.

La okuletoj de Janson kungluiĝadis, li preskaŭ endormadis kaj tiel malrapide kaj malterte turniĝadis, ke la sinjoro ekkriis:

— Nu, nu, pli rapide. Endormis!

— Mi ne volas, — diris li malviglе.

Oni prenis lin sub la brakoj kaj kondukis, kaj li obeeme ekmarŝis, levante la ŝultrojn. Ekstere lin baldaŭ surblovis la printempa malsekela aero kaj sub lia nazeto malsekiĝis. Malgraŭ la nokto la degelo pligrandiĝis kaj ie sone faladis sur ŝtonon oftaj gajaj gutoj. Atendante, dum la ĝendarmoj, fleksiĝante kaj frapante per la glavoj, rampadis en nigran senlanternan kaleŝon. Janson malrapide viŝadis per la fingro sub la malseka nazo kaj ordigis la malbone ligitan skarpon.

## IV. Ni estas Orlovanoj.

La sama militista juĝistaro, kiu juĝis Janson, aljuĝis ankaŭ al ekzekuto per pendigo la vilaĝanon de Orlova gubernio, Jelecka distrikto Miĥailon Golubec, alnome — Miŝka Ciganok aŭ Tataro. Lia lasta krimo, precize pruvita, estis mortigo de tri homoj kaj perarma rabo. Lia pluа malklara estintajo malaperis en suspekta profundaĵo. Estis neklaraj aludoj pri lia partopreno en longa vico de aliaj rabadoj kaj mortigoj. Rilate lian pasintajon estis supozeblaj sango, fajro kaj malsobraj diboĉoj. Tute malkaŝeme kaj sincere li sin nomis rabisto kaj ironie rilatis tiujn, kiuj laŭmode sin titolas « ekspropriigantoj ». Pri la lasta krimo, kun malkonfesi estus senutile, li rakontis detale kaj volonte, sed je la demandoj pri la pasintaĵo li nur ridetaĉis kaj fajfetis:

— Serĉu la venton en kampo!

Do kiam kiam oni insiste demandis, Ciganok faris seriozan kaj indecan mienon.

— Ni ĉiuj Orlovanoj estas rompitaj kapoj, — diris li serioze kaj konsidereme. Orjol (1) kaj Kromi— (1) estas unuavicaj ŝtelistoj. Karaĉov (1) kaj Livni (1) — mirigas ĉiujn ŝtelistojn. Jelec (1) do — tiu estas patro por ĉiuj ŝtelistoj. Do por kio traktadi pri tio!

Oni nomis lin Ciganok pro lia eksteraĵo kaj pro la ŝtelistaj artifikaĵoj. Li strange estis nigrahara, maldiketa, kun flavaj sunbrulaj makuloj sur la elstarantaj tataraj vangostoj, li iel ĉevalmaniere ekruladis la blankaĵojn de l'okuloj, kaj ĉiam rapidiĝis ien. Lia rigardo estis mallonga, rapida, timige fiksa kaj tre scivolema, kaj la objekto, kiun li mallonge ekrigardis, kvazaŭ perdis ion, kvazaŭ fordonis parton de si kaj fariĝis la alia. Ankaŭ estis malfacile kaj malagrable preni la cigaredon, kiun li ekrigardis, kvazaŭ ĝi jam estis en fremda buŝo. En li estis la senĉesa agiteco, kaj jen ĝi tordis lin, kiel torditajon, jen malvolvis lin, kiel garbon el serpentumaj fajreroj. Kaj akvon li trinkis preskaŭ sitelon, kiel ĉevalo.

Ĉiujn demandojn dum la juĝado li salte leviĝante, respondis mallonge, senhezite kaj eĉ kvazaŭ kun plezure:

(1) Nomoj de rusaj urboj.

— Ĝuste! — iam substrekis — Ĝ-us-te!

Kaj tute neatendite, kiam oni parolis pri io alia, li salte leviĝis kaj petis la prezidanton:

— Permesu ekfajfi!

— Por kio tio ĉi? — ekmiris tiu.

— Ĉar ili diras, ke mi signalis al la kamaradoj, do jen, Tre interese.

Iom ne komprenante, la prezidanto konsentis. Ciganok rapide metis en la buŝon kvar fingrojn, (0,75) de ĉiu mano po du, furioze elruliĝis la okulojn — kaj vere sovaĝa, rabista ekfajfo, de kiu la surdigitaj ĉevaloj alkliniĝas teren kaj sidiĝas sur la malantaŭaj piedoj kaj la homoj vizaĝoj paliĝas kontraŭvole, tratranĉis la mortan aeron de l' juĝeja salono. Kaj ĉio estis en tiu ĉi penetranta nek homa, nek besta plorego — la morta angoro ties, kiun oni mortigas kaj la sovaĝa ĝojo de mortiganto, la minaca averto kaj voko, la mallumo de aŭtuna malbonvetera nokto kaj la soleco.

La prezidanto ekkriis ion, poste eksvingis la manon al Ciganok, kiu obeeme eksilentis. Kaj kiel artisto, kiu triumfe plenumis malfacilan, sed ĉiam sukcesan arion, li sidiĝis, visis ĉe la supervesto la malsekajn fingrojn kaj memkontente ĉirkaŭrigardis la ĉeestantojn.

— Jen rabisto! — diris unu juĝisto, frotante la orelon. Sed la alia, kun larĝa rusa barbo kaj tataraj okuloj, kiel ĉe Ciganok, revante rigardis ien super Ciganok, ekridetis kaj rediris:

— Do, ĝi estas ja vere interesa.

Kaj la juĝistoj kun trankvila koro, sen kompato por li kaj sen plej malgranda skrupulo verdiktis la ekzekuton por Ciganok.

— Ĝuste! — diris Ciganok, kiam la verdikto estis proklamita. — En la vasta kampo pendigon. Ĝuste!

— Kaj sin turninte al la eskortisto, li bravmaniere diris: — Nu, do ni iru, acida lanco. Kaj tenu pli forte la pafilon — mi forprenos!

La soldato severe, suspekteme lin rigardis, intersanĝis la rigardojn kun la kamarado kaj palpis la pafiĝilon. La alia faris la samon kaj la tutan vojon la soldatoj kvazaŭ ne iradis, sed flugadis en la aero -tiel,atentante la kriminulon, rimarkis nek la teron sub la piedoj, nek la tempon, nek sin mem.

Kiel Janson, Miŝka Ciganok devis resti en la malliberejo dekсep tagojn ĝis la ekzekuto. Kaj ĉiuj dekсep tagoj traflugis por li tiel rapide, kvazaŭ unu -kiel unu senĉeca penso pri fugo, libereco kaj vivo. La reginta lin agiteco, kiu nun estis premata per la muroj kaj kradoj, kaj per la morta fenestro, tra kiu oni nenion vidis, direktis ĝian tutan furiozecon internen kaj bruligis la penson de Ciganok, kiel fajro, disjetita sur tabuloj. Kiel en ebria haladzo svarmis, interpuŝiĝis kaj miksiĝis helaj, sed nenitaj preterflugis en senhalta, blindiganta ventoturno kaj ĉiuj ili sin direktis al unu — al fugo, libereco kaj vivo. Jen larĝigante la naztruojn, kiel ĉevalo, Ciganok dum horoj flaris la aeron — ŝajnis al li, ke odoras kanabo, brulanta fumo, nevidata kaj mordanta brulodoro; jen li, kiel turniĝilo, turniĝadis en la ĉelo, rapide palpante la murojn, frapante per la fingro, provmezurante, borante la plafonon aŭ segante la kradojn per la rigardo. Per sia agitemeco li turmentis la soldaton, kiu observis lin tra la trueto, kaj jam kelkfoje la soldato en malespero minacis, ke li pafos; Ciganok malĝentile kaj mokeme, kaj nur tial la afero finiĝis paceme, ĉar la disputado baldaŭ fariĝis simpla, kamparana, neofenda insulto, ĉe kiu la pafado ŝajnis sensenca kaj neebla.

Dum la noktoj Ciganok forte dormis, preskaŭ ne moviĝante, en konstanta tamen viva senmoveco, kiel provizore senaga risorto. Sed leviĝinte li tuj komencis turniĝi, mediti, palpi. Liaj manoj konstante estis sekaj kaj varmegaj, sed la koro iam subite malvarmiĝis: kvazaŭ oni metis en la bruston pecon da nedegelanta glacio, kiu penetrigis etan sekan frostotremon en la tuta korpo. Ĉiam malhela, Ciganok en tiuj ĉi minutoj fariĝis nigra, ricevis nuancon de blu[...] fandfero. Kaj strangan kutimon li aperi[...] kvazaŭ tromanĝinte ion treege kaj neelport[...] dolĉan, li konstante lekis la lipojn, smaĉis, [...]sible elkraĉadis sur plankon la alfluan[...] salivon. Ankaŭ li ne ĝisfinis la vortojn: [...] pensoj fluis tiel rapide, ke la lango ne suke[...] sekvi ilin.

Unu tagon lian ĉelon eniris la supera su[...]tro, akompanata de la eskortisto. Li stra[...] ekrigardis la surkraĉitan plankon kaj [...] reme diris:

— Jen, abomeniĝis!

Ciganok rapide rediris:

— Jen ci, grasa vizaĝaĉo, abomeniĝis la[...] tan mondon, tamen mi ĉin ne riproĉas. Por[...] ci enrampis?

La subestro ĉiam kolereme proponis al l[...] ekzekutisto. Ciganok dentaĉis kaj ekrideg[...]

— Ĉu oni ne trovas? Lerte! Kaj jen pend[...] nun, ha-ha! Kaj kolo estas, kaj ŝnuro e[...] sed pendiginto malestas. Je l'Dio, lerte!

— Rekompence, ci restos viva.

— Nu, certe: ne malviva do al ci mi ja p[...] digos. Jen diris, malsaĝulo!

— Nu, kio do? Por ci ja estas egale: ti[...] tiel ci,

— Kaj kiel oni pendigas ĉe vi? Kred[...] oni sufokas malkaŝeme!

— Ne, kun muziko, — morde rediris la [...] estro.

— Nu, malsaĝulo do. Kompreneble, oni [...] zonas muzikon. Jen tiel — kaj li ekkanti[...] bravegaĉan.

— Ci, karulo, tute freneziĝis, diris la [...] — Nu, kio do, diru difinite.

Ciganok dentaĉis:

— Kia rapidema! Venu ankoraŭ foj[...] tiam mi diros.

Trad. D-ro J. Ostrovski[...]

(*Daŭrigota*).

